# LITERATURA MONDO



TRIA JARO, SEPA NUMERO, BUDAPEST JULIO 1924

RESPONDA REDAKTORO: DRO TEODORO SCHWARTZ. REDAKTA KOMITATO: JULIO BAGHY, KOLOMANO DE KALOCSAY, PAULO DE LENGYEL, PAULO BALKÁNYI, KARLO BODÓ

REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO BUDAPEST V, SAS-U. 27. TELEFONO 195-78

# ATENTU NIAN NOVAN ADRESON SUR LA TITOLPAĜO.

**NIÁ KUNLABORANTARO**

LOUISE BRIGGS (ARMLEY), J. GRAU CASAS (BARCELONA), HELMI & HILDA DRESEN (TALLINN), NIKOLAO HOHLOV (ZAGREB), IVAN H. KRESTANOFF (DRESDEN), A. MAZZOLINI (FERMO), JAN VAN SCHOOR (ANTWERPEN), PAUL MEDEM (KAUNAS), TIBERIO MORARIU (BUCURESTI), PAUL NYLÉN (STOCKHOLM), EMMA L. OSMOND (LONDON), PETRO STOJAN (CHISINAU), M. SOLOVJEV (NOVI SAD), DRO LEONO ZAMENHOF (VARSOVIO), PAULO VARSÁNYI (BUDAPEST), RAYMOND SCHWARTZ (PARIS), J. JURISTA (CZÉNSTOCHOVA), STANISLAW BRAUN (LODZ), HENRIKO SEPPIK (TALLINN), JULIO WERNER (BUDAPEST), ZANONI

## PREZOJ DE „LITERATURA MONDO" PO NUMERO:

| | | | |
|---|---|---|---|
| —.16 dolaroj | —.80 svis. frankoj | —.80 norv. kronoj | 3.— liroj |
| —.40 guldenoj | —.80 danaj kronoj | 1.— pesetoj | 4.50 ĉ. kronoj |
| —.60 sved. kronoj | 2.— fr. frankoj | —.80 ŝilingoj | —.30 jenoj |

El la landoj, kiuj ne estas nomataj, oni petu rektan proponon de ni!

SENPAGAJN NUMEROJN NI NE LIVERAS ★ NI ESPERAS, KE ĈIUJ AKIROS NOVAJN ABONANTOJN

## EN LA SEKVANTAJ LANDOJ VI POVAS ABONI ĈE NIAJ ABONEJOJ:

*Argentino:* Irenjo Balkanyi, Buenos-Aires, Jorge Newberry 2667.
*Austrujo:* Salzburg, Richard Grössinger, 17/II. Elizabeth str.
*Britujo:* The British Esperanto Association, 17 Hartstreet, London, WC. 1.
*Bulgarujo:* Centra Librejo Esperanto (Gaŝevsky) Sofia.
*Belgujo:* Frans Schoofs, 11 Kleine Hondstraat. Antwerpen, Poŝtĉekkonto No 284. 20. —
*Ĉehoslovakujo:* Otto Sklenĉka, Hradec Králové.
*Danujo:* Martin Blicher, International Boghandel, Hotel d'Angleterre, Kobenhavn.
*Estonujo:* Helmi Dresen, postkast 6, Tallin.
*Finnlando:* O/Y. Movado A/B. Helsinki, Kasarminkatu 20.
*Francujo:* Esperantista Centra Librejo, 51, rue de Clichy, Paris.
*Hispanujo:* Ferdinando Montserrat, Barcelona. Str Villaroel 107, 2º 2º.
*Italujo:* J. Mainardi. Viale Vittoria 1, Milano 21.
*Jugoslavujo:* Dro. D. Maruzzi, Zagreb, Jezuitska-ulica 1.
*Latvujo:* Talivaldo Indra, Posta kaste 475, Riga
*Litovujo:* P. Medem Kaunas Smelingasse 12.
*Nederlando:* I. van Hengel. Eemnes Administratie Wereldtaal.
*Norvegujo:* Rolf E. Bugge Paulsen, Huitfeldts-g. 35—I., Kristiania.
*Polujo:* Pola Esp. Servo Bydgoszcz-Dluga 1.
*Rumanujo:* Esperanto-Centro Rumana, Bucuresti. Alea Suter 19.
*Svisujo:* Esperanta Librejo „Verda Stelo" Rosenheimstr. 5, St. Gallen-Ost.
*Usono:* The Esperanto Service Corporation Box 32 Weehawken N.

LAŬVOLE SENDU ALTAN SUMON KAJ NI LIVEROS TIOM DA NUMEROJ, KIOM VALORAS LA PAGO!

## AL LA LEGANTOJ

Ĉi tie ni, de kelka tempo, ne aŭdigis la kutimajn plendojn. Ĉi tio ne signifas ke nia financa bazo estas nun pli firma. Kontraŭe. La prezoj altigis ĉe ni ĝis la mondnivelo, la avantaĝon donitan de la valutdiferenco, ni ne plu ĝuas. Se antaŭ kelkaj monatoj ni bezonis 600, nun ni bezonas 1000 abonantojn por forigi la deficiton. Kaj abonantojn ni ne havas eĉ 600.

*

Por plifirmigi nian bazon kaj por helpi al la propagando ni decidis d i s v e n d i 200 d u a j n j a r k o l e k t o j n p o r d u o n p r e z o (1 dolaro aŭ egalvaloro). Ĉi tiu kolekto estas u n u e l l a p l e j r i ĉ a j k a j p l e j d i v e r s t i p a j l e g a ĵ o j, kaj per sia bona kaj facila stilo u n u e l l a p l e j b o n a j l e g o l i b r o j. Ĝi enhavas vere grandan literaturan trezoron el la plumo de l' plej bonaj Esp.aj stilistoj, ĝiaj detalaj librorecenzoj bone orientas pri la literatura vivo Esperanta, kaj per la Mondliteratura Observo ĝi donas vastan trarigardon eĉ tra la notindaĵoj de l' mondliteraturo. Rekomendu ĝin. Por niaj pli novaj abonantoj ni disponas ankoraŭ pri kelkaj el la unuaj tri numeroj, kiuj jam fariĝis maloftaĵo. Por ili, ili kostas 0.50 dolaron.

# EL LA LEGENDOJ DE MALNOVA EGIPTO

B. PRUS. (A. GLOWACKI)

idu, kiel vanaj estas la homaj esperoj kontraŭ la ordo de la mondo! vidu, kiel ili estas vanaj kontraŭ la verdiktoj, kiujn la Eternulo per fajraj signoj skribas sur la ĉielo!...

La centjara Ramzes, la potenca reganto de Tebo, mortadis. Sur la bruston de la potenculo, antaŭ kies voĉo dum jarkvindeko tremis milionoj, ekfalis sufokanta inkubo kaj suĉadis la sangon el lia koro, la forton el lia brako, kaj kelkfoje eĉ la konscion el lia cerbo. Kiel faligita cedro kuŝis la granda faraono sur felo de hinda tigro, kovrinte la piedojn per la triumfa vestaĵo de la reĝo de l' Etiopoj. Kaj severa eĉ al si mem, li vokis la plej saĝan kuraciston el la sanktejo en Karnak kaj diris:

— Mi scias, ke vi konas efikajn kuracilojn, kiuj aŭ mortigas aŭ tuj sanigas. Preparu por mi tian, konforman al mia malsano, sed ĝi jam fine ĉesu... tiel aŭ alie.

La kuracisto hezitis.

— Pensu, Ramzes — li ekflustris — ke de la tempo de via malsupreniĝo el la alta ĉielo Nilo jam cent fojojn elbordiĝis; ĉu mi do povas doni al vi kuracilon, ne sendanĝeran eĉ por la plej juna el viaj militistoj?

Ramzes sidiĝis sur la lito.

— Certe mi estas tre malsana — li ekkriis — se vi, pastro, kuraĝas doni al mi konsilojn! Silentu kaj plenumu, kion mi ordonis. Ja vivas mia tridekjara nepo kaj sekvanto, Horus; kaj Egipto ne povas havi reganton, kiu ne povas eksidi la batalveturilon kaj levi ponardon.

Kiam la pastro per tremanta mano donis al li la kuracilon, Ramzes eltrinkis ĝin, kiel soifanto trinkas poteton da akvo; poste li vokis al si la plej faman astrologon el Tebo kaj ordonis sincere rakonti, kion montras la steloj.

— Saturno kuniĝis kun la Luno — respondis la saĝulo. — Tio antaŭdiras morton de ano de via dinastio, Ramzes. Vi faris malbone, trinkante hodiaŭ la kuracilon, ĉar vanaj estas la homaj planoj kontraŭ la verdiktoj, kiujn la Eternulo skribas sur la ĉielo.

— Kompreneble, ke la steloj antaŭdiris *mian* morton — rediris Ramzes. — Sed kiam tio ekestos? — li turnis sin al la kuracisto.

— Antaŭ la sun-leviĝo, Ramzes, aŭ vi estos sana, kiel rinocero, aŭ via sankta ringo troviĝos sur la mano de Horus.

— Enkonduku — diris Ramzes per jam mallaŭtiĝanta voĉo — Horuson en la aŭlon faraonan; li atendu tie je miaj lastaj vortoj kaj je la ringo, por ke ne estu interrompo en la regado.

Ekploris Horus (li havis koron plenan de kompato) pro la proksima morto de la avo; sed ĉar ne povis esti interrompo en la regado, li do ekiris en la aŭlon faraonan, ĉirkaŭate per multnombra aro da servistoj.

Li sidiĝis sur la balkono, kies marmora ŝtuparo kondukis malsupren al la rivero, kaj plene de nedifinita malĝojo, li rigardis al la ĉirkaŭaĵo.

Ĝuste la luno, apud kiu bruletis la malbonsignifa stelo Saturno, orumis la bronzan akvon de Nilo, pentris la ombrojn de la grandegaj piramidoj sur herbejoj kaj ĝardenoj kaj lumigis la tutan valon kelke da mejloj ĉirkaŭe. Malgraŭ la malfrua nokto, en la kabanoj kaj domoj lumis lampoj, kaj la loĝantaro eliris el la konstruaĵoj, sub la ĉielon. Sur la Nilo svarmis boatoj dense kiel en tago festa; en la palmaj arbaroj, ĉe la bordoj de l'akvo, sur la placoj, en la stratoj kaj ĉe la palaco de Ramzes ondis sennombra homamaso. Sed malgraŭ tio, estis tia mallaŭto, ke al Horus alkuradis la brueto de akva kano kaj la ĝema hurlado de hienoj serĉantaj manĝaĵon.

— Kial ili amasiĝas? — demandis Horus korteganon, montrante la ne mezureblan aron da homaj kapoj.

— Ili volas saluti vin, sinjoro, kiel faraonon kaj aŭdi el via buŝo pri la bonfaroj, kiujn vi destinis por ili.

En ĉi tiu momento, la unuan fojon, la koron de l'princo ekfrapis fiero pro grandeco, kiel krutan bordon ekfrapas la alkuranta maro.

— Kaj kion signifas tiuj lumoj? — demandis plue Horus.

— La pastroj iris al la tombo de via patrino Zeforo, por transporti ŝian korpon al la faraonaj katakomboj.

En la koro de Horus denove vekiĝis doloro pro la patrino, kies korpon — pro la kompato, montrita al sklavoj — la severa Ramzes enterigis inter sklavoj.

— Mi aŭdas henadon de ĉevaloj — diris Horus, atente aŭskultante — kiu forveturas en tiu ĉi horo?

— La kanceliero, sinjoro, ordonis pretigi kurierojn pro via instruisto Jetron.

Horus ekĝemetis je rememoro de la amata amiko, kiun Ramzes ekzilis el la lando, ĉar li semis en la animon de la nepo kaj sekvanto malamon je militoj kaj kompaton por la premata popolo.

— Kaj tiu lumeto post la Nilo?...

— Per tiu lumo, ho Horus, — respondis la kortegano — salutas vin el la monaĥeja malliberejo la fidela Bereniko. Jam la ĉefpastro sendis por ŝi la faraonan boaton; kaj kiam la sankta ringo ekbrilos sur via mano, malfermiĝos la malpeza pordo monaĥeja kaj ŝi revenos al vi sopirante kaj amante.

Ekaŭdinte tiujn vortojn Horus pri nenio jam demandis; li eksilentis kaj kovris la okulojn per la mano.

Subite li eksiblis pro doloro.

— Kio estas al vi, Horus?

— Abelo ekmordis mian piedon — respondis la paliĝinta princo.

La kortegano ĉe la verdeta brilo de la luno pririgardis lian piedon.

— Danku al Oziris — li diris — ke ne araneo, kies veneno en ĉi tiu horo estas mortiga.

Ho! kiel vanaj estas la homaj esperoj kontraŭ la ne retireblaj verdiktoj...

En ĉi tiu momento eniris la armeestro kaj, klinsalutinte Horuson, li diris:

— La granda Ramzes, sentante, ke lia korpo jam malvarmiĝas, sendis min al vi ordonante: „Iru al Horus, ĉar mi ne longe jam estos en la mondo, kaj plenumadu lian volon, kiel vi plenumadis la mian. Eĉ se li volus cedi Egipton Supran al la Etiopoj kaj kun tiuj malamikoj ligi fratan aliancon, plenumu tion, kiam vi vidos mian ringon sur lia mano; ĉar per la buŝo de la regantoj parolas la senmorta Oziris."

— Mi ne fordonos Egipton al la Etiopoj — diris la princo — sed mi faros pacon, ĉar domaĝas al mi la sango de mia popolo; tuj skribu edikton kaj pretigu aron da rajdaj kurieroj, por ke ili, kiam ekbrilos la unuaj fajroj je mia honoro, ekrajdu en la direkto de la suda suno kaj sciigu al la Etiopoj mian pardonon. Kaj skribu ankoraŭ duan edikton, ke komence de nun ĝis la fino de la tempoj el la buŝo de neniu milit-kaptito oni elŝiru la langon sur la batalkampo. Tiel mi parolis.

La armeestro falis sur la vizaĝon kaj reiris, por skribi la ordonojn; kaj la princo ordonis al la kortegano refoje pririgardi lian vundon, ĉar ĝi tre doloris al li.

— Iom ŝvelis via piedo, Horus — diris la kortegano. — Kio estus, se anstataŭ abelo estus araneo vin mordinta!...

Nun eniris la aŭlon la regna kanceliero kaj, klinsalutinte la princon, diris:

— La potenca Ramzes, vidante, ke lia okulo malklariĝas, sendis min al vi ordonante: „Iru al Horus kaj plenumadu blinde lian volon. Se li eĉ ordonus senkatenigi la sklavojn, kaj donaci al la popolo la tutan teron, vi faru tion, kiam vi ekvidos sur lia mano mian sanktan ringon, ĉar per la buŝo de la regantoj parolas la senmorta Oziris."

— Tiajn intencojn mi ne havas — diris Horus. Sed tuj skribu edikton, ke oni malaltigas al la popolo la farmo-pagojn kaj impostojn je duono kaj la sklavoj havas en semajno tri tagojn liberajn de laboro kaj sen juĝa verdikto oni ne bastonados iliajn dorsojn. Skribu ankaŭ edikton, revokantan el la ekzilo mian instruiston Jetron'on, kiu estas la plej saĝa kaj plej nobla el la Egiptanoj. Tiel mi parolis.

La kanceliero falis sur la vizaĝon, sed antaŭ ol li povis reiĝi, por skribi la ediktojn, eniris la ĉefpastro.

— Horus, — li diris — baldaŭ la granda Ramzes foriros en la regnon de ombroj, kaj Osiris pesos lian koron sur la ne erarema pestelero. Kaj kiam la sankta ringo faraona ekbrilos sur via mano, ordonu, kaj mi vin obeos, eĉ se vi volus faligi la miraklan sanktejon de Amon, ĉar per la buŝo de la regantoj parolas la senmorta Oziris.

— Mi ne detruos — rediris Horus — sed mi konstruos novajn sanktejojn kaj pliriĉigos la pastran trezorejon. Mi nur postulas ke vi skribu edikton pri solena transporto de la korpo de mia patrino Zeforo en la katakomboj kaj duan edikton... pri la liberigo de l' amata Bereniko el la monaĥeja malliberejo. Tiel mi parolis.

— Vi saĝe komencas — rediris la ĉefpastro. — Por plenumi ĉi tiujn ordonojn, ĉio jam estas preta, kaj la ediktojn mi tuj skribos, kiam vi ilin tuŝos per la ringo faraona, mi lumigos ĉi tiun lampon, por ke ĝi anoncu al la popolo bonfarojn, kaj al via Bereniko liberecon kaj amon.

Eniris la plej saĝa kuracisto el Karnak.

— Horus — li diris, — ne mirigas min via paleco, ĉar Ramzes, via avo, jam agonias. Tiu potenculo super potenculoj ne povis elteni la fortecon de la kuracilo, kiun mi ne volis al li doni. Do restis ĉe li nur la anstataŭanto de la ĉefpastro, por depreni, kiam li mortos, la sanktan ringon de lia mano kaj ĝin al vi transdoni por signo de senlima regpovo. Sed vi pli kaj pli multe paliĝas, Horus?... — li aldonis.

— Pririgardu mian piedon — ekĝemis Horus kaj malleviĝis sur oran seĝon, kies apogilo estis skulptita laŭ la formo de akcipitraj kapoj.

La kuracisto ekgenuis, pririgardis la piedon kaj, terurite, malantaŭeniĝis.

— Horus — li ekflustris — vin mordis tre venena araneo.

— Ĉu... mi devus morti?... en tia momento?... — demandis Horus per apenaŭ aŭdebla voĉo.

Kaj poste li aldonis:

— Ĉu rapide tio okazos?... diru la veron...

— Antaŭ ol la luno kaŝiĝos post tiu palmo...

— Aĥ, jes!... Kaj ĉu Ramzes ankoraŭ longe vivos?...

— Ĉu mi scias?... Eble oni jam portas al vi lian ringon.

En tiu momento eniris la ministroj kun la pretaj ediktoj.

— Kanceliero! — ekkriis Horus, kaptante lin je la mano — ĉu, se mi tuj mortus, vi plenumus miajn ordonojn?

— Atingu, Horus, la aĝon de via avo! — respondis la kanceliero. — Sed, se vi eĉ tuj post li ekstarus antaŭ la juĝo de Oziris, ĉiu via edikto estos plenumita, se vi nur tuŝos ĝin per la sankta ringo faraona.

— Ringo! — ripetis Horus — sed kie ĝi estas?...

— Diris al mi kortegano — ekflustris la ĉefa armeestro — ke la granda Ramzes jam spiras lastajn spirojn.

— Mi sendis al mia anstataŭanto — aldonis la ĉefpastro — ke tuj, kiam la koro de Ramzes ĉesos frapi, li deprenu la ringon.

— Mi dankas al vi!... — diris Horus — Mi bedaŭras... aĥ, kiel mi bedaŭras... Sed ja ne tuta mi mortos... Restos post mi benoj, trankvilo, la feliĉo de la popolo, kaj... mia Bereniko rericevos la liberecon... Ĉu longe ankoraŭ?... — li demandis la kuraciston.

— La morto estas proksima de vi mil paŝojn da soldata iro — respondis malgaje la kuracisto.

— Ĉu vi ne aŭdas?... ĉu neniu iras el tie?... — diris Horus.

Silento.

La luno proksimiĝis al la palmo kaj jam puŝis ĝiajn unuajn foliojn; pulvorigita sablo mallaŭte murmuretis en la klepsidroj.

— Malproksime?... — ekflustris Horus.

— Okcent paŝojn — respondis la kuracisto — mi ne scias, Horus, ĉu vi povos tuŝi ĉiujn ediktojn per la sankta ringo, eĉ se oni ĝin al vi tuj alportos...

— Donu al mi la ediktojn — diris la princo, atente aŭskultante, ĉu ne kuras iu el la ĉambroj de Ramzes. — Kaj vi, pastro — li turnis sin al la kuracisto — diru, kiom da vivo restos al mi, por ke mi povu sankcii almenaŭ la por mi plej karajn ordonojn.

— Sescent paŝoj — ekflustris la kuracisto.

La edikto pri malpliigo de farmopagoj por la popolo kaj de la laboro por la sklavoj elfalis el la manoj de Horus sur la teron.

— Kvincent...

La edikto pri la paco kun la Etiopoj deŝoviĝis de la genuoj de la princo.

— Ĉu ne iras iu?...

— Kvarcent... — rediris la kuracisto.

Horus profundiĝis en pensojn, kaj malsuprenfalis la edikto pri transporto de la korpo de Zeforo.

— Tricent...

La sama sorto trafis la edikton pri revoko de Jetron el la ekzilo.

La buŝo de Horus bluiĝis. Per kuntirita mano li ĵetis teren la edikton pri neelŝirado de la langoj de militkaptitoj, kaj lasis nur... la ordonon pri liberigo de Bereniko.

— Cent...

Ĉe tomba mallaŭto oni ekaŭdis frapon de sandaloj. En la aŭlon enkuris la anstataŭanto de la ĉefpastro. Horus etendis la manon.

— Miraklo!... — ekkriis la veninto. — La granda Ramzes rericevis la sanon... Li leviĝis vigle el la lito kaj li volas je sunleviĝo ekiri por ĉasi je leonoj... Kaj vin, Horus, por signo de favoro, li invitas, ke vi lin akompanu...

Horus ekrigardis per estingiĝanta okulo trans la Nilon, kie brilis lumo en la malliberejo de Bereniko, kaj du larmoj, sangaj larmoj, ruliĝis de lia vizaĝo.

— Vi ne respondas, Horus?... — demandis mirigite la sendito de Ramzes.

— Ĉu vi ne vidas, ke li mortis? — ekflustris la plej saĝa kuracisto el Karnak.

Vidu do, ke vanaj estas la homaj esperoj kontraŭ la verdiktoj, kiujn la Eternulo skribas per fajraj signoj sur la ĉielo...

El la pola: *G. Gelbart*



Miĥaelo Zichy — La savboato. 1846.

# LA DU FRATOJ VAN BUCK

ALFRED DE MUSSET

n germana urbo ne malproksime de la Rejnaj bordoj, vivis la du fratoj Van Buck kiuj estis prave rigardataj kiel du lertaj gravuristoj.

Post la vespermanĝo, preskaŭ ĉiuvespere, ili kutimis viziti maljunan oraĵiston, sian najbaron. Tiu simplanima homo, kies nomo estis Tomaso Hermans, ilin akceptis en sia postbutiko apud la fajro, kun sia longa pipo en la buŝo. Iliaj vesperoj kiujn ili triope pasigis, estis malbruaj, la du fratoj, laŭnature silentemaj, ne parolis; kaj koncerne la oraĵiston, kvankam li disponis pri trapikantaj okuloj, malofte okazis ke la laboroj, al kiuj li dediĉis sin tage kaj nokte, ne priokupis lin sufiĉe por ke li fariĝu preskaŭ malatentema, aŭ almenaŭ malmulte babilema. Tamen ili reciproke plaĉis, kaj sin interamis ankoraŭ pli pro la konformeco de sia pensmaniero. Maloftege oni ne vidis, preterpasante la butikon de Hermans, trans la vitraĵo, la amikojn kiuj triope ĉirkaŭis la lampon kaj preskaŭ ĉiam ankaŭ vastan bierpoton.

Iun vesperon, antaŭ ne longe, la maljuna Hermans vidiĝis pli gaja ol kutime.

— Kio do al vi estas? — diris la gravuristoj? — sur via vizaĝo certe skribiĝis ĝoja sciigo.

— Infanoj! — respondis la bona oraĵisto, — mia filino forlasas morgaŭ la monaĥejon. Finiĝis ŝia edukado; kaj pro tio vi vidas min, indaj amikoj, karaj najbaroj, en tiel granda ĝojo ke ĝi tentas min danci sur la tablo.

Necese estas rimarkigi ke la honesta Hermans ĉiam tiel ŝatis la ekleziulojn kiel la peston. Sed lia maljuna fratino, piaĉa kaj riĉa, nepre postulis la monaĥejon por sia nevino. Kaj la ŝaĝa singardemulo kontraŭvole konsentis pri tio.

— Jes, miaj infanoj, nepre vi vidos ŝin: mi sopiras senpacience pinĉi ŝiajn vangetojn.

La gravuristoj afable premis lian manon, kaj oni pasigis la ceteron de la vespero parolante pri fraŭlino Vilhelmino kaj pri ŝia neduba pli-beliĝo. La bierpoton en tiu tago anstataŭis botelo zorge sigelita. Kompreneble la du najbaroj estis invitataj por vespermanĝi la morgaŭan tagon.

Ili tute ne intencis preterlasi la inviton. Sin vestintaj per siaj dimanĉaj vestoj ĉe la subiro de la suno ili iris al sia maljuna amiko kaj preskaŭ tuj oni sidiĝis ĉirkaŭ la tablo. Apenaŭ Tomaso Hermans, por montri sian gajecon, pugnofrapis la tablon sufiĉe vigle por rompi ĉiujn glasojn, la fraŭlino, per timema paŝo, kun kubutoj premitaj al la korpo, sidiĝis ruĝiĝante inter la du junuloj.

Sed dum la vespermanĝo, malgraŭ la klopodoj de la oraĵisto, ĉiu silentis; li mem, eluzinte sian unuatempan gajecon, devis sin kontentigi rigardante sian filinon. La du gravuristoj konservis malvarman sintenadon, kaj ili interŝanĝis nur rigardon. Vespere reekirinte hejmen, malkutime ili enlitiĝis, ili nek diris ion pri la okazintaĵoj kaj la laboroj de la pasinta tago, nek daŭrigis sian konversacion longe dum la nokto, ĉar ili havis komunan ĉambron.

La du fratoj Van Buck koregе sin amis. Oni vidis ilin ambaŭ ĉie, sur la promenejo, en la festoj, ĉe la ĉasó kiu al ili multe plaĉis. Ili havis egalan talenton: kaj la laboro de unu estis kelkfoje subskribita de la alia; cetere oni opiniis ke la vizaĝo de unu estis skulptita sur la vizaĝo de lia frato. Neniam, sub la ĉielo, oni vidis pli perfektan konkordon. Do tre mirinde estis ke ili kvazaŭ evitis interparoli kaj eĉ interrigardi. Ilia konduto ofende hontigis ilian afablan najbaron. Tamen tiamaniere pasis ilia nokto, kvankvam ĉiu el ili povis vidi ke la alia maldormas. La luno lumigis ilian ĉambron kaj senĉese ĝemspirante ili moviĝis. Estis videble ke ambaŭ ricevis gravan baton. Ili enamiĝis al Vilhelmino.

Pasis tuta semajno, dum kiu eĉ ne unufoje ili interpremis siajn manojn. Regis en ilia laborejo obstinega silento; ĉiu, kliniĝinte al kupra gravuraĵo, ne turnis la kapon eĉ por minuto.

La lastan tagon de tiu malgaja semajno la maljuna Hermans sidis ĉe la sojlo de sia pordo kontraŭ sia filino.

— Ĉu vi ne diris al mi, paĉjo, ke ni vidos ĉiuvespere la du fratojn Van Buck.

— Ho ve! respondis la oraĵisto; ja ili ne aperis de ok tagoj. Estas strangega afero.

— Ĉu do mi kaŭzas tion —, diris Vilhelmino — ĉar de mia reveno ili ne venas plu ĉi tien?

## IMPROMPTU

*Rudolf Reimann*

Kruele viv' min fleksis kaj premadis—
sed nerompebla estis mia koro.
Pro troa malvastec' la kor' ĝemadis,
gutetis sango pro doloro —
ne krevis tamen koro.

Vi venis — ĝoje mi en ĉi-momento
ĝin rompis mem, kaj mia kor' feliĉa
nur plendis en la agoniturmento:
pro la ofero nesufiĉa
ne estas vi feliĉa!

El la estona: *Hilda Dresen*

*Rimarko:* Ĉi tiu poeziaĵo estas el la kolekto „Lambi valgel" („Ĉe lamp-lumo")

Ĉe tiuj vortoj naive diritaj, la maljunulo mallevis la okulojn kaj restis longe muta.

— Ho mia filino, mia kara filinjo —, fine li ekkriis, premante per siaj velkitaj lipoj la grasetan kaj freŝan manon de sia idino. — Tiuj monaĥaĉoj certe vin instruis abomeni la Amon, sed ĉu ili vin sciigis kiel oni ĝin malcedas. Dio mia! ĉu vi ne forgesos vian maljunan patron dum puraera somera nokto.

Kiel solan respondon Vilhelmino ridetante nur skuis la kapon.

— Tre dolĉa estas via rideto, anĝelino mia, dolĉa kiel mielo. Plaĉu al Dio ke neniam ĝi aliiĝu en larmojn.

— Ho ve, mia paĉjo, ĉu vi min trovas tiel bela ke mi estu nepre tiel malfeliĉa!

Ĵus tiumomente la du gravuristoj ekaperis kontraŭ li; post kiam Vilhelmino modeste forŝoviĝis ĉe ilia alveno.

— Ni vidis vian filinon, Hermans, kaj de tiam ni perdis la dormon; niaj revoj nin perfidis unu al la alia. Parolu al ni plenlibere. Ĉu vi volus unu el ni kiel bofilon? Tiuokaze demandu ŝin kiun ŝi pli amas? Kiu ajn estos, ŝi fariĝos lia laŭleĝa edzino. Nian laborejon plenigas tiom da metiistoj kiom la vian. Belega estas nia klientaro kiel la via. Pripensu kion vi decidas?

La oraĵisto al ili etendis siajn ambaŭ manojn:

— Mi petas de vi tri tagojn — li diris — ĉu tio estas tro? Vi estas ambaŭ enamiĝintaj, mi tion vidas.

— Estas vere, respondis la gravuristoj, ni amas vian filinon kaj vi ne devas lasi al ni la tempon ŝin ami sen espero de resaniĝo.

Vespere, apenaŭ la fraŭlino kuraĝis rigardi rekte: ŝi sciis ke ŝi devas fari elekton.

La sekvintan tagon la maljuna Hermans sendis al la du fratoj leteron jene elpensitan:

„Mia filino vidis vin ambaŭ. Ŝi amas Tristanon kiel edzon; Henrikon, kiel fraton. La Ĉielo permesu ke tiu konfeso kiun mi pene el ŝi fortiris, estu akceptata de vi, kiel decas! Via maljuna amiko vin atendas por ĉirkaŭbraki tutan sian familion."

Tiuj noblanimuloj reciproke konsentis ke tuj kiam unu el ili estos akceptata, la alia eterne silentiĝos. Ho ve! tiaj estas la kontraktoj kiujn oni konsentas antaŭ ol koni la sorton. Henriko kiu prenis la leteron de la oraĵisto, por ĝin legi, ne kuraĝis fini sian legadon. Li demetis la leteron sur la tablon kaj pale kiel neĝo, li ekfalis sur sian skabelon.

Ili daŭrigis tamen sian kunvivon tute konkorde. Ĉiuvespere, laŭ sia kutimo, ili reiris al la oraĵisto. La feliĉa fianĉo amindumis sian amatinon, dum Henriko klopodis vidiĝi gaja, sed lia paleco montris la malverecon de lia ŝajna kvieto.

Foje kiam la du fratoj ĉasis, ili haltis en arbeta maldensejo. Lacigitaj de la irado ili sterniĝis sur la herbeto.

— Tristano — diris Henriko Van Buck — de post sufiĉe da tempo mi silentas. Mi ne povas toleri ke vi edziĝu je la filino de tiu oraĵisto.

— Ĉu jen estas do, frato — respondis Tristano — la maniero, laŭ kiu vi memoras pri la honoraj leĝoj?

— Mi scias ke mi tute malobeas tiujn leĝojn kaj de longe mi pripensis antaŭ ol paroli al vi pri tio; sed rigardu min, mi ne vivas plu, mi sentas ke mi konsumiĝas, kaj tamen la malmulto da sango, kiu ankoraŭ fluas en miaj vejnoj, min mordas kiel fajro.

— Mi tion vidas — respondis Tristano — ĉu do vi kredas ke mi ankaŭ ne elportas gravajn suferojn ĉar mi vin pelas ĝis tiu ekstremo. Ho ve! mi ankaŭ perdis tutan mian gajecon pro tio; sed kia estas la rimedo?

— Estas nenia rimedo, mia frato; nur solan aferon mi postulas de vi. Ne rifuzu ĝin; mi petegas pri tio ke vi ne edziĝu je tiu fraŭlino antaŭ mia morto.

— Antaŭ via morto — ekkriis la alia!

— Jes, mia kara Tristano, estas necesege, mi petegas ke vi faru al mi vian ĵuran promeson pri tio. Ĉar mi devas subskribi vian edziĝokontrakton, mi . . .

— Ne, mia frato, estas neeble ke vi tiele mortas pro via malespero; kiel vi volas ke mi faru al vi promeson kies sola penso glaciigas mian koron.

Dirante tiujn vortojn Tristano rigardis sian fraton kaj vidis sur liaj lipoj palecon de morto.

## AŬTUNA KANTO

*Rudolf Reimann*

Sukcen-koloraj tagoj la plorigaj
narkotas kvazaŭ vinoj enterigaj,

De l' arboj oraj larmoj teren gutas
dum sonoj de malgaja rekviem.'
Foliojn siajn la arbar' kun ĝem'
nun kvazaŭ rozojn sur ĉerktukon ŝutas.

Dronante en nubar' la suno plektas
melankolion pri la morta hor.'
Malgajon nigran teksas kun fervor'
la gruoj, kiuj suden sin direktas.

Min senflugilaj revoj nun turmentas,
solece eta iĝis la anim.'
Kaj surverŝite per funebra vin'
pasioj sanktigite eksilentas.

Sukcen-koloraj tagoj la plorigaj
por koro estas preĝoj dolorigaj.

El la estona: *Hilda Dresen*

*Rimarko;* El la kolekto „Lambi valgel".

— Henriko, mia kara — li ekkriis —, prefere ol vin lasi tiamaniere morti, mi cedos al vi ĉiujn miajn rajtojn. Edziĝu je ŝi, mi petas tion de vi. Mi vojaĝos al Usono.

— Ke mi edziĝu je ŝi! — ekkriis la alia. — Ĉu vi transdonus al mi ŝian amon, forlasante viajn rajtojn? Tamen necese estas ke unu el ni mortu pro tio — li aldonis, per malserena voĉo. Lia mano tremetis kaj batis la tenilon de sia ĉastranĉilego.

— Jes, — respondis Tristano.

Ili elingigis siajn tranĉilegojn kaj pretiĝis por sin defendi. Sed ĉar ili kutimis skermi unu kun la alia, antaŭkalkulante ĉiujn siajn atakojn, ili sukcesis nur malofte sin trafi. Tutan horon ili reciproke kaj furioze sin frapis; de tempo al tempo, malfortigite de lacego, ili haltis kun flankoj malfermitaj de larĝaj vundoj.

Dum iu el tiuj paŭzoj ili aŭdis la tamburojn kiuj avertis la urbanojn reeniri en la urbon. Jus estas la horo, kiam tiom da fojoj ili revenis duope, brako en brako, jen malĝojaj, jen ĝojaj konfidante al si reciproke siajn pli intimajn pensojn. En tiu momento tuta ilia juneco disvolviĝis antaŭ ili.

La suno estis tuj malaperonta, ĝiaj lastaj radioj traglitis inter la senkarnaj abioj sur la teramaso kovrita per sekiĝintaj folioj. La vespera roso klinis la herberojn, dum la birdoj sendis sian saluton al la nokto.

Tristano deturnis la kapon; li ekvidis en la fundo de la valo la sonorilturojn de sia naskiĝa urbo elstarantajn el la nubo, kaj la riveron dissterniĝantan sur la herbejo kiel blanka kolubro sur verdaj kreskaĵoj. Lia koro ekscitîĝis, li faris paŝon al sia frato al li etendante la manon. Sed mortiga malfortiĝo subite invadis lian animon. Li sin apogis sur arbo, liaj ŝultroj forglitis laŭlonge de la krusto kaj li defalis teren.

Henriko terurite rigardis la lastajn klopodojn de sia frato por sin alkroĉi al la vivo. Li provis aliri al li, sed li ne sukcesis moviĝi. Dronigite de sango, starante senpove kvazaŭ ebriulo li ŝanceliĝis.

Tiuj kompatinduloj estis konintaj patrinon kiu patrine ilin ambaŭ amegis. El la fundo de la valo kaj el la krepusko, malpreciza formo ŝajnis subite elŝpruci kaj alŝoviĝi al ili. Ĝi malrapide supreniris la monteton; kaj dum ĝi alproksimiĝis, la filoj rekonis sian patrinon. Tuj kiam la fantomo ekaperis, klare videbla kaj rekonebla, la staranto, deirante per lasta klopodo de la loko sur kiu li estis kvazaŭ najlita, iris sin ĵeti en la brakojn de sia frato eletendita sur la tero. Superŝutitaj per sango kaj larmoj la du fratoj Van Buck mortis en funebra ĉirkaŭpreno.

El la franca: *Daniel Eyquem*

---

# PATRINECO

K. DE KALOCSAY

Ŝi antaŭjare, kiel kapreolo,
Facile, flirte kuris kun petolo.
Kaj dancis, ludis, ŝercis kaj paradis,
Kelkfoje eĉ la pupon ŝi vestadis.

Sed misteraĵo venis. Serioza
Kaj reva iĝis la vizaĝo roza.
Kaj novaj sentoj vibris tra l'animo:
Miksaĵo stranga de sopir' kaj timo.

Sengusta sentis ŝi knabinpetolon
De l' amikinoj. Ŝi deziris solon.
Ŝidante ofte sinforgese, mute
Ŝi al revado sin fordonis tute.

Kaj nokte — longe sin sendorme rulis,
Ho, nokte ŝia virga lito brulis,
Kaj *lia* voĉo eĥis al ŝi zume
Kaj la kusenon premis ŝi brakume.

*

Tiu hor'! tiu hor'!
Martele batis ŝia kor'.
Sur vangoj: ruĝaj hontobruloj.
Fermiĝis treme la okuloj:
*Lin* aŭdis ŝi pri amo ĵuri . . .
Ho, kien kuri, kien kuri!

Ho, vane jam.
Piedojn ŝiajn kaptas lam'.
Ĉu nun ekkrii, aŭ balbuti,
Aŭ ridi, plori, aŭ nur muti?

Kaj ŝi silentas. Roznebuloj
Tordiĝas antaŭ la okuloj.

Sed kun hontema ĉarmo
En la okuloj jesas larmo.

*

La kis' unua:
Naiva, virga kaj timema tuŝo.
Mallerta. Sub la forta vira buŝo
Sufoko frua.

Kaj kiso dua:
Sur lipoj: brulo. En la kor': alarmo.
Tra l' korpo: stranga, dolĉa, vibra varmo.
Tremad' genua.

Kaj kiso plua:
Turmente batas vejnoj kvazaŭ vipoj,
La tuta korpo tremas sur la lipoj.
Sindono glua . . .

*

Kaj poste:
Projektoj feliĉaj.
Tremetoj.
Senkulpa gustumo el amaj sekretoj.

Kaj poste:
La mirto . . . Preĝejo . . .
La beno . . .
Nebulaj figuroj dum ĝoja festeno.

Kaj poste:
Nur ili! Duopo!
Mistera.
Amara kaj dolĉa, transmonda kaj tera!

*

Kaj poste: helo! helo!
La tagoj fluas kiel la mielo.

Se venas vent': disputo,
Eolgroteton fermas kis' je muto.

Se venas pluvo: larmo,
Disigas larman nubon kisa varmo.

Sub bluo de ĉielo
Lazuran maron kuras blanka velo.

*

Kaj poste... poste... foje, dum vespero
Eksentas ŝi, ke venas la Mistero.

Dum la okulojn pale ŝi malfermas,
Ŝi sentas, ke sub ŝia kor' ĝi ĝermas.

Kaj tra la korpo kuras febra tremo,
Sopir' kaj timo, ĝojo kaj korpremo.

Se *li* jam venus, ke ŝi flustru ĝoje,
Ke *tiu, Tiu* estas jam survoje.

Kaj ke ŝi serĉu en la brakoj fortaj
La ŝirmon por la tempoj sarĝoportaj,

Ŝi, jam senhelpa, velka, malsaneta,
Kaj ĉiam fali, ĉiam sveni preta.

*

Kaprica, kiel la printempa vento,
Kun sanĝe plora, rida sentimento,
Kun rozaj vangoj, okulbrilo flama:
Ŝi estis kvazaŭ mem la Majo florornama.

Nun, jen, kun pala vizaĝeto sia,
Kun la rideto dolĉmelankolia,
Kun sia blonda kapo flavakrona:
Ŝi estas kvazaŭ la Septembro fruktodona.

*

Dum posttagmezoj, en ĉambret' sidante,
Ŝi laboradas tie en soleco,
Kudrilo ŝia kuras rapidante
Tra blanka, eta, stranga vestopeco.

Kaj se la ĉambron la vesper' vualas:
En mano stumble haltas la kudrilo;
En ŝian sinon la vesteto falas...
Kaj ŝi esploras tiam sin kun miro

Kaj sentas sian korpon dolĉe vunda,
Milde dolora, svena pro l' Ofero,
Sed sukoŝvela, plena kaj fekunda,
Benata, kiel la semita tero.

*

Kaj sentas ŝi, ke tial estis ĉio:
Sopiroj, revoj, kiso, ĉirkaŭpren',
Fandiĝ' ekstaza svene en ebrio:
Ĉion ĉi faris Ĝi por sia ven'
La *Suveren'!*

*

Ŝi donis ĉion, ĉion sen bedaŭro:
Knabinan freŝon, ludon ĝojpetolan,
Senzorgajn revojn, kuron kapreolan,
Sur la altaron de la sankta Daŭro.

Jen ŝi nun iras... Velkis la belaĵoj:
Talio flora, freŝa rozo vanga.
Ŝi sin balancas. Ho, miraklo stranga,
Miraklo sankta de anasaj paŝoj.

Mallerte sian ŝarĝon sub la koro
Ŝi trenas time, kun ŝirmanta brako...
Komika vid'... Sed super ŝi, el oro,

Mi aŭreolon vidas en imago.
Jen iras kontraŭ tempon de doloro
Heroineto de la Sesa Tago.

*

Kelkfoje, dum la nokto, lite,
Subite
Terura timo
Eksidas al ŝi sur animo.
Ŝi korpremate, side,
Rigide
Rigardas en mallumon mutan
Kaj sentas tremi sian korpon tutan.

Kaj en angoro
Tordiĝas fra l' memoro
Rakontoj najbarinaj,
Ŝtelrigarditaj bildoj medicinaj,
Virinoj cent
Mortintaj naske en turment'
Kaj veoj, konvulsioj, sango, sango,
En morton paliĝanta vango...
Kaj poste
Froste
Fantom' rikanas oste,
La ungojn ĝi enboras...
La edzo ploras,
Virinoj iras-venas kure...
Terure!...
Kaj, sub malvarma ŝvit',
Ŝi sidas en la lit'
Frostotremante antaŭ la Estonto
Kaj sentas perdi ĉiujn siajn fortojn
Kaj ŝiaj lipoj preskaŭ flustras vortojn
De Kristo sur la Olearba Monto...

*

Sed kiam la mateno per oraj lumosagoj
Forpelas de ŝi aron de la fantom-imagoj,
Solviĝas la angoro en fido kaj kvieto,
Kaj ŝi revaĵojn dolĉajn salutas per rideto.

Revaĵojn pri diketa korpeto rozkolora,
Pri arda kis' patrina al ĝia vango plora,
Pri eta kaj mallerta, avida buŝ' malsata
Sur la ŝvelinta frukto de ŝia brust' benata.

Kaj en plezura revo feliĉe ŝi jam ĝuas,
Kiel la viv' en tiun korpeton el ŝi fluas,
Kaj alpreminte manojn sur sian bruston brulan,
Ŝi zumas, kvazaŭ lerne, dorlotan kanton lulan.

*

Kaj venos tago, tago granda!
Kiam ploregos tiu eta buŝo
En la vindaĵo blanka, blu-rubanda
Pro la unua kruda vivotuŝo.

Kaj kiam ŝi sur lito palas
Post la dolora, vivodona lukto...
Petal' de floro, kiu ĝoje falas,
Ĉar sur la branĉo kreskas jam la frukto!...

# ANTAŬ LA KONGRESO

BURLESKO EN UNU AKTO

PERSONOJ:

*Kristiano Mallerta,* komercisto (maldika, preskaŭ senhara kapo),
*Rozalio,* lia edzino (koloseta, grava, energia, pli granda ol sia edzo),
*Injo,* ilia filino (dekokjara),
*Kristianeto,* ilia filo (naŭjara),
*s-o Timulo,* fianĉo de Injo,
*la bopatrino de K. Mallerta* (longa, maldika, malmoderna),
*la onklo* (dika sinjoro, fraŭlo),
*leterportisto,*
*sendito,*
*unujara infano* (pupo).

SCENEJO:

Loĝoĉambro de K. Mallerta, tablo, seĝoj, sofo, maldekstre fortepiano, en la angulo veturileto, en kiu dormas la ideto. La ĉambro havas du elirojn.

UNUA SCENO

(Injo sidas antaŭ la piano, provante ludi la Himnon. Malantaŭ ŝi staras Rozalio (la patrino), tenante muzikfolion en la manoj.)

*Rozalio:* Nu, ĉu vi fine povas ludi la melodion?

*Injo:* Mi supozas.

*Rozalio:* Do ni provu! (Injo ekludas, ili kantas kune): En la mondon venis nova . . . (nun tro disharmonie:) sento . . . (Injo akcentas kelkajn fojojn la ĝustan tonon sur la klavaro kaj kantas sola:) sento . . .

*Rozalio* (ripetas): sento . . .

*Injo:* Denove! (Ili kantas kune): En la mondon venis nova sento.

*Rozalio* (tuj ripetas la vorton): sento . . .

*Injo:* Sed patrino, la vorto „sento" estas kantata ja nur unu fojon. (Kune:) En la mondon venis nova sento, (tre disharmonie): tra la mondo iras forta voko.

*K. Mallerta* (intertempe estas enirinta, en pantofloj, sen kolumo; li havas strumpon en la mano, aŭskultas dum momento la disharmonian kantadon, kunfrapas la manojn super sia kapo kaj diras, tuj post la vortoj „forta voko", kvazaŭ daŭrigante la kantadon): Kara majstro!

(Rozalio kaj Injo plu kantas.)

*Mallerta* (alproksimiĝas malrapide kaj timete): Kara Rozalio, permesu momenton.

*Rozalio:* (returniĝas duone kaj rifuzas mansigne).

*Mallerta* (humile): Kara Rozalio, nur momenton, mi petas.

*Rozalio:* (rifuzas pli energie kaj plu kantas).

*Mallerta* (insiste): Nur unu momenton!

*Rozalio* (piedfrapas la plankon, furioze): Ha, ne mirinde, ke ni ne sukcesas, se ni konstante estas malhelpataj. Kion vi serĉas? Kion mi vidas? En tia eksteraĵo vi ankoraŭ estas! Ĉu vi ne scias, ke estas baldaŭ la tempo por foriri akcepti la karavanon?

*Mallerta:* Mi ja estis pretiganta min, sed kiam mi volis surmeti la strumpon (montras la ŝtrumpon), mi konstatis, ke ĝi estas — ke vi forgesis ripari ĝin, jen, rigardu la truon.

*Rozalio:* Pro tia bagatelo vi ĝenas nin! Pli seriozajn, pli gravajn taskojn mi havas hodiaŭ ol ripari ŝtrumpojn!

*Mallerta* (montrante la truon al la publiko): Bagatelo! Kara Majstro! („Kara Majstro" estas dirata ĉiam iomete malrapide, grave, patose, la okuloj direktiĝas al la ĉielo).

*Rozalio* (imitas lin, moke): „Kara Majstro!" Ne menciu konstante la Majstron, li certe ne estis tiel pedanta, malvastanima viro, kiel vi, vi ne estas inda esti lia disĉiplo.

*Mallerta:* Tion mi scias; sed ĉu ne, tamen vi nun riparos mian ŝtrumpon?

*Rozalio:* Ne! Mi ne havas tempon. Se vi mem ne estas kapabla fari tion, mi kompatas vin. (Ŝi forturniĝas energie.)

*Injo:* Ĉu ni nun daŭrigu?

*Mallerta* (al si mem); Ŝi almenaŭ kompatas min!

*Rozalio:* Ne, nun mi perdis la tutan emon. Ho, kia malfeliĉa edzino mi estas; ĉiu plezuro estas malhelpata de tia nekomprenema edzo.

*Mallerta:* (rigardas sendecide la ŝtrumpon).

DUA SCENO

*Injo* (leviĝas): Eble ni finverku mian salutpoemon por la kongreso?

*Rozalio:* Legu, kion vi skribis ĝis nun.

*Injo:*

Alvenis vi de ĉie en la mondo,
Por esti en nia gaja rondo,
Por viziti hodiaŭ la kongreson,
Montrante por ĝi grandan intereson.
Por nia sankta la afero
Eksonis jam la Himno, la „Espero".
Vin ĉiujn kore mi salutas.
Bonvenajn vortojn flue mi . . . (paŭzeto.)

*Mallerta* (aŭskultas): Kara Majstro!

*Rozalio:* Nu, daŭrigu, flue mi . . .?

*Injo:* Hm, mi ankoraŭ ne sukcesis trovi rimon je „salutas".

*Rozalio:* Eble „disputas"?

*Injo:* Aŭ „konkludas"?

*Rozalio:* „Flutas"?

*Injo:* „Altrudas?"

*Rozalio:* He, Kristiano! Ho, nun li silentas, kiam temas pri serioza afero. Ĉu vi ne scias rimon je tio:

„Vin ĉiujn kore mi salutas.
Bonvenajn vortojn flue mi . . ."?

*Mallerta:* Balbutas.

*Rozalio:* Vi kuraĝas eĉ moki?

*Mallerta:* Tute ne, karulino, mi ne mokas, sed je „salutas" rimas nur „balbutas".

*Rozalio:* Malsaĝulo, eĉ simplan taŭgan rimon vi ne povas fari; vi neniam akiros ian fameton en Esperantujo.

*Mallerta:* (levas bedaŭre la ŝultrojn).

*Injo:* Mi scias eliron, patrino. Mi iros al mia amikino, ŝi havas libreton enhavantan aron da salutpoemoj. Ni simple tradukos unu el tiuj en Esperanton.

*Rozalio:* Jes. Tion faru! Sed rapidu! Pripensu, ke vi devos parkere lerni la poemon ĝis vespere; dume mi mem meditos pri taŭga rimo. (Ŝi ekstaras, meditas. Injo foriras.)

TRIA SCENO

(Samtempe enkuras Kristianeto, havante kajeron en la mano; li preskaŭ renversas Injon kaj ricevas de ŝi vangofrapon. Li defendas sin, seĝo brue renversiĝas, la ideto (pupo) en la veturileto ekploras; Kristianeto iras al la infaneto.)

*Kristianeto* (al la ideto): Ho, jen, ili vekis vin, la malbonuloj.

*Mallerta*: Kion signifas la brua konduto?

*Rozalio:* (kolere) Malsaĝa demando! Kia ĝeno. Oni ne povas trankvile mediti kelkajn minutojn.

(La infaneto ree ekkriegas.)

*Rozalio:* Ĉu vi ne aŭdas, Kristiano, ke la infano ploras?

*Mallerta:* Ĉu tio koncernas min? Mi ne estas la patrino.

*Rozalio:* Sed la patro; cetere *mi* ne havas tempon, mi devas mediti. (Deturnas sin, meditas.)

*Mallerta:* Kaj mi devas plenvesti min por iri la stacidomon.

(La infaneto konstante ploras. Kristianeto karese flustras al li; la infano pli laŭte ploras.)

*Rozalio:* Ha, dum tia bruado mi kompreneble ne trovas ion taŭgan. (Energie:) Kristiano, nun trankviligu fine la infanon, se vi ne volas flegi infanojn, do vi . . .,

*Mallerta:* Nu, kion do?

*Rozalio:* Vi prefere ne estu edziĝinta. Vi ne estas inda je la donacoj de l' ĉielo. Ho, la kompatinda kreitaĵo; pro kio vi (turniĝante al la veturileto) devas havi tian senkoran patron. (Ordone:) Kristiano, mia pacienco finiĝas,

tuj repacigu la infanon, mi devas mediti! (turniĝas flanken, meditas).

*Mallerta* (leviĝas malrapide, iras al la veturileto, balancetas ĝin): Trankviliĝu, karuleto, trankviliĝu, mi, via patro, ja estas apud vi, dormu, dormu. (La infaneto daŭras plori.)

*Rozalio:* Eble li estas malsata.

*Mallerta* (tiras antaŭen la veturileton ĝis la rando de l' scenejo; delikate, karese): Ĉu vi estas malsata, karuleto, jes? malsata? Atendu, via patro alportas ion... (prenas de tablo boteleton, trinkigas la infaneton). Ha, kiel bongusta, ĉu ne? trinku — ankoraŭ iomete — jen — ĉu jam sufiĉas? Ĉu jam sata? Nun vi ĉesos plori, ĉu ne? Estu ĝentila, ĉar via patrino devas mediti.

*Rozalio:* Jen, nun li estas trankvila, pro kio do ĉiam via senutila obstineco!

(Mallerta reŝovas la veturileton en la angulon.)

KVARA SCENO

*Kristianeto:* Patrino, ĉu vi nun bonvolas korekti mian lernejtaskon?

*Rozalio* (malafable): Turnu vin al via patro, mi devas mediti.

*Kristianeto:* Patro, ĉu vi . . . ?

*Mallerta* (malafable): Kio estas?

*Kristianeto:* Bonvolu korekti mian stilekzercaĵon. La temo estas: „Pri la ĉevalo".

*Mallerta:* Diru al via instruisto, ke hodiaŭ komenciĝos (patose) la Internacia Universala Esperanto-Kongreso. Dum tiaj gravaj okazaĵoj oni havas pli altajn okupojn ol korekti stilekzercaĵojn. Kiel inteligenta homo ankaŭ li . . .

*Rozalio:* Ne diru sensencaĵojn. (Prenas la kajeron de Kristianeto kaj transdonas ĝin al Kristiano; ordone): Jen.

*Mallerta* (prenas la kajeron, ĵetas furiozan rigardon al sia edzino; legas): „Pri la ĉevalo! La ĉevalo estas amiko de l' homo." — Bone! — „Ĝi havas dekdu krurojn —, nome: du antaŭe, du malantaŭe, du je la dekstra flanko, du je la maldekstra kaj po unu en ĉiu angulo." (Li donas vangofrapon al Kristianeto kaj ĵetas la kajeron al lia kapo). Ĉu tiun ĉi sensencaĵon vi volas prezenti al via instruisto?

(Li donas denove vangofrapon. Kristianeto forkuras ekplorante el la ĉambro.)

KVINA SCENO

*Rozalio* (majeste, apogante la manojn sur la koksoj): Ĉu tio eble estas konduto de nobla viro? Ekzerci sian forton je delikata infano? Tiel ne kondutas klera homo. Cetere vi bone scias, ke Kristianeto ne povas elteni frapojn.

*Mallerta:* Donu al li sukeraĵon pro lia spriteco.

*Rozalio:* Tion li fakte meritus. Anstataŭ bati lin, vi prefere admiru lin; sed *vi* kompreneble ne vidas, kia inteligenta, observema knabo li estas, mi vere miras pro lia observkapablo.

*Mallerta:* Kiun li certe havas de vi, ĉar ankaŭ vi ĉie vidas ion, kie estas nenio.

*Rozalio:* Aŭ de vi, ĉar ankaŭ vi, precipe, kiam vi rigardis iomete tro profunden en bieroglasojn, vidas ĉion duoble.

*Mallerta* (grave): Bedaŭrinde ankaŭ vin.

*Rozalio:* Tre flateme! Sed por reveni al la afero . . .

*Mallerta:* Mi ne plu havas tempon. (Li estas forironta.)

*Rozalio* (retenas lin): Restu! Gravajn aferon oni ne prokrastu! Kion vi trovas riproĉinda en la skribaĵo de Kristianeto?

*Mallerta:* Nu, ĉu vi eble jam vidis ĉevalon, kiu havas dekdu krurojn?

*Rozalio:* Nu, kiom ĝi havas laŭ *vi?*

*Mallerta:* Vi volas mistifiki min.

*Rozalio:* Kiom? mi demandas.

*Mallerta:* Kvar kompreneble.

*Rozalio* (al la publiko): Tion mi atendis. (Al sia edzo): Jes, se oni nombras la krurojn ope, vi eble povas esti prava; tamen Kristianeto ne estas malprava.

*Mallerta:* Nun sufiĉas. Vi eĉ defendas lian stultaĵon?

*Rozalio:* Jes, mi defendas. Tio ne estas stultaĵo. Sed *vi* kompreneble ne estas kapabla sekvi altajn pensojn kaj konkludojn, kiuj estas ekstere de via horizonto.

*Mallerta:* Vi estas prava. Ĉevalo kun dudek kruroj superas mian komprenon.



Miĥaelo Zichy — La venko de la demono de l' detruo

*Rozalio*: Do estas necese, ke mi klarigu al vi la aferon. Atentu! Ĉu ĉevalo havas antaŭe du krurojn?

*Mallerta*: Certe, jes.

*Rozalio*: Ĉu ĝi havas du ankaŭ *mal*antaŭe?

*Mallerta*: Jes.

*Rozalio*: Kaj je la dekstra flanko ankaŭ du?

*Mallerta*: Jes.

*Rozalio*: Kaj du je la maldekstra flanko?

*Mallerta*: Jes.

*Rozalio*: Plue! Ĉu ĝi fine havas po unu en ĉiu de siaj kvar anguloj?

*Mallerta*: Hm, hm, jes!

*Rozalio*: Do! du antaŭe, (nombrante per la fingroj,) du malantaŭe, du dekstre, du maldekstre, po unu en la kvar anguloj, kiom estas tio, se vi povas adicii tion?

*Mallerta* (hezitante kaj malfanfarone): Se oni tiamaniere...

*Rozalio*: Kiom estas tio? mi demandis.

*Mallerta*: Dekdu, sed . . .

*Rozalio*: Nenian „sed"; ĉu Kristianeto estas prava aŭ ne?

*Mallerta*: Vi tute konfuzas min. Laŭ tia teorio vi eble povas esti prava; sed en la praktiko, en la realeco . . .

*Rozalio*: Estas diferenco inter teorio kaj praktiko.

*Mallerta*: Do praktike kaj reale la ĉevalo havas kvar krurojn, teorie ĝi havas dekdu, ĉu ne? Momenton lasu min mediti. (Li prenas la pugnojn al la tempioj.) ... Ne, ne, tion mi ne povas kapti. Cetere oni ja povus pretendi tion rilate al ĉiu ajn objekto.

*Rozalio*: Unue: ne ĉiu objekto havas krurojn; due: se ĝi havas, ili ne estas aranĝitaj en la sama maniero; trie: oni *povus* pretendi, sed oni ne *faras* tion; krom tio...

*Mallerta*: Nu, krom tio?

*Rozalio*: Ĉevalo entute ne estas *objekto*, ĉevalo estas — estas . . . (Paŭzeto.)

*Mallerta*: Estas?

*Rozalio*: Ĉevalo estas ĉevalo.

*Mellerta*: Do nur rilate al ĉevaloj oni nombras tiamaniere la krurojn?

*Rozalio*: Mi ne diris, ke oni ilin nombras tiel, mi nur diris, ke oni *povus* tion fari; vi devas ĉiuokaze diferencigi inter tio, kion oni faras kaj tio, kion oni *povus* fari.

*Mallerta*: Do *povus* ekzisti ĉevalo havanta dekdu krurojn?

*Rozalio*: Matematike, jes.

*Mallerta*: Ho, mia kapo. Kara Majstro! Ĉevalo havanta dekdu krurojn! matematike kaj teorie! (Li meditas momenton.) Tio estas tro multe por mi. Ho, atendu! (Li forkuras kaj revenas kun libro en la mano.) Jen zoologia libro, eble en ĝi mi trovos klarigon.

*Rozalio* (forŝiras de li la libron): Mi tute ne bezonas vian libron. Se vi ne kredas min, mi pruvos al vi praktike la pravecon de la teorio. Jen, nia tablo!

*Mallerta*: Sed tablo ne estas ĉevalo!

*Rozalio*: Sed *objekto*, kiu havas kvar piedojn.

*Mallerta*: Kaj ne dekdu!

*Rozalio*: Silentu! Mi pruvos, ke ĝi matematike kaj teorie havas dekdu! (Ŝi forŝovas la tablotukon.)

*Mallerta*: Kara Majstro! (Li ĉirkaŭiras la tablon.) Mi vidas nur kvar, (rondiras denove), unu . . . du . . . tri . . . kvar, nenian pli.

*Rozalio*: Stultulo! Tio estas la praktiko. Sed la teorio, la teorio. Vi juĝos laŭ via tre limigita vidpunkto. Sed vidite de antaŭe . . .

*Mallerta* (koleriĝas): Antaŭe, malantaŭe, dekstre, maldekstre, supre, malsupre, ne konfuzu min komplete, (decide): mi vidas nur kvar!

*Rozalio*: Ne malkuraĝiĝu. Venu ĉi tien (tiras lin antaŭ la tablon), jen du piedoj antaŭe, (montras la piedojn de l' tablo), — du malantaŭe, (kondukas lin al la kontraŭa flanko de l' tablo), du dekstre (kondukas lin maldekstren), du maldekstre (kondukas lin tien), kaj krom tio jen unu, du (rondkondukas lin ĉirkaŭ la tablo kaj montras la piedojn), — tri —, kvar en la anguloj, kiom estas tio?

*Mallerta* (denove rondiras kaj ekzamenas la piedojn): Estas kvar.

*Rozalio* (kolere): Du kaj du (nombrante per la fingroj) kaj du kaj du kaj kvar estas kvar? (tre kolere) Ha? (faras signon al sia frunto por kvazaŭ diri, ke en la kapo de Mallerta io ne plu funkcias). Vi tute ne komprenas ion. (Kriegas): Dekdu, dekdu!

*Mallerta* (koleras): Kvar mi diras.

*Rozalio* (tre kolere); Dekdu!

*Mallerta* (kriegas): Kvar!

*Rozalio* (kontraŭkriegas): Dekdu!

*Ambau* (laŭvice kaj ĉiam pli laŭte): Kvar! — Dekdu! Kvar! — Dekdu! (Rozalio piedfrapas, ĵetas kontraŭ Mallertan la libron, ekploras.) Ho, ĉi tiu malklera, malkomprenema, stulta edzo. (Ŝi eksingultas, forkuras el la ĉambro.)

*Mallerta* (kolere postkriegas): Kvar, kvar, kvar, kvar! — Kara Majstro! (forviŝas la ŝviton de sia frunto. Patose): Ĉi tiun fojon *mi* venkis, „venkis en decida hor'!". (Sidiĝas — leviĝas kaj nombras refoje): Jes, efektive nur kvar. (Patose): Cetere, estas mia afero decidi, kiom da piedoj havu miaj mebloj, mi estas la ĉefo, ĉu vi aŭdas, Rozalio? (Li iras ĝis la eliro kaj parolas elen): Ĉu vi aŭdas, *mi* decidos . . . (Oni aŭdas paŝojn. Mallerta embarasite): Diablo, jen ŝi revenas. (Li malleviĝas sub la tablon, dirante al la publiko): Mi diros, ke mi volis denove nombri la piedojn. (La paŝoj alproksimiĝas.)

## SESA SCENO

(Eniras la *bopatrino*; ŝi havas en la mano tre ekstermodan, grandan ombrelon; ŝi estas vestita tre ekstermode, per lorneto ŝi observas la scenon, fine ŝi diras): Bonan tagon! Neniu?

*Mallerta* (sub la tablo): Ha! la bopatrino. Bonvenon, kara bopatrino, kiel vi fartas? (Li rampas el sub la tablo.)

*Bopatrino*: Kiel mi fartas? Kaj vi, sub la tablo? Kion vi faras tie?

*Mallerta* (jam stariĝis): Nu, nenion, mia tablo... jes... io ne estas en ordo . . . respektive . . . jen, vi ja povas decidi, aŭskultu . . .

(Rozalio, Injo kaj Kristianeto kuregas en la ĉambron.)

*Rozalio*: Ho, la patrino.

*Injo kaj Kristianeto*: La avino.

*Ĉiuj*: Estu bonvena, estu bonvena.

*Mallerta*: Senkulpigu, ke ni ne preparis por vi pli konvenan akcepton; sed ni ĵus priparolis tre interesan temon.

*Bopatrino*: Mi vidis, sub la tablo.

*Rozalio* (forŝovas lin): Foriru, alie vi parolos sensencaĵojn. Vi venis pli frue, patrino, ol vi skribis. Ni atendis vin nur je la vespero.

*Bopatrino*: Mi volis surprizi vin.

*Mallerta*: Kaj vi bone sukcesis.

*Rozalio*: Sed kara Dio, jen ni babilas kaj la patrino estas certe laca. (Ŝi forprenas de bopatrino la ĉapelon kaj ombrelon.) Sidiĝu, patrino, sidiĝu.

(Tuj ekestas vigleco en la personoj; ĉi u alportas seĝon ĥaose.) Sidiĝu, sidiĝu, sidiĝu, sidiĝu. (Eta tumulto.)

*Bopatrino* (premas la manojn al la tempioj): Ho, miaj nervoj.

*Rozalio*: (premas ŝin sur seĝon kaj per poŝtuko ventumas ŝin; ĉiu imitas la ekzemplon, Mallerta per grandega, ruĝa poŝtuko.)

*Bopatrino*: Sufiĉas, sufiĉas, vi ja sufokos min.

*Ĉiu* (tumulte): La bopatrino, (resp.) la avino sufokiĝas, la avino sufokiĝas. (Rozalio kaj la infanoj alportas porflaran boteleton. Mallerta per la mano ŝutas akvon super ŝin.)

*Bopatrino*: Kara Dio, helpon, lasu min spiri.

*Ĉiuj* (tumulte): La avino volas spiri, la avino deziras spiri, silentu, pacon, trankvilon, ŝt, ŝt. (Ekestas silento; ĉiu rigardas la bopatrinon.)

(Oni aŭdas tumulton ekstere, pezajn paŝojn.)

## SEPA SCENO

(La onklo aperas, ŝvitante, portas du grandajn kofrojn; li preskaŭ falas en la ĉambron.)

*Onklo*: Ho, miaj pakaĵoj, ho, miaj pakaĵoj.

*Ĉiuj* (eksaltas tumulte): La onklo, la onklo, bonan tagon, onklo, bonan tagon.

*Onklo* (spiregas, fordonas sian ĉapelon, forviŝas la ŝviton): Ho, kiel varmege. mi sufokiĝas.

*Ĉiuj*: Ho, ankaŭ la onklo sufokiĝas! (tumulte) Sidiĝu, sidiĝu! (Ili premas lin sur seĝon.)

*Rozalio*: Mi estas tute konfuza. Kiel min ĉagrenas, onklo, ke neniu estis en la stacidomo, por akcepti vin; sed tio estas la kulpo de mia nobla edzo.

*Onklo*: Li ja tute ne scias, ke mi estis venonta.

*Rozalio*: Egale, li almenaŭ povis diveni tion.

*Bopatrino*: Nu, ne disputu pri la afero.

*Onklo*: Ha, ankaŭ la bopatrino ĉeestas.

*Bopatrino* (rapide): Jes, ankaŭ mi.

*Onklo*: Pardonu, ke mi nur nun dece salutas vin.

*Rozalio* (al la infanoj kaj Mallerta): Kaj vi jen staras, kvazaŭ vi perdis vian kapon; tuj helpu min fari al niaj gastoj agrablan estadon inter ni. Precipe vi, Kristiano; ĉu vi ne vidas, kiel malorda estas la ĉambro? Tuj reordigu ĝin.

*Mallerta*: Ĉu mi?

*Rozalio*: Kompreneble vi. Eke!

*Mallerta*: Nu, por havi pacon! (Li ordigas la mreblojn, formetas la gazetojn, librojn, balaas la ĉambron.)

*Bopatrino* (rigardas lin per la lorneto): Tre lerta vi estas, Kristiano.

*Onklo* (al Rozalio): Tre bonedukitan edzon vi havas, ha, ha, ha.

*Rozalio*: Ke li estu almenaŭ iomete pli saĝa, pli sprita.

*Mallerta* (alĵetas al ŝi koleran rigardon): Kara Majstro! (daŭrigas sian agadon.)

*Bopatrino*: Nu, estu pacaj. Ni babilu iomete. Kiel la infanoj grandiĝis, precipe Injo.

*Rozalio*: Ĉu ne? Kaj tiel inteligenta ŝi estas. Ĉi tiun vesperon ŝi bonvenigos la kongreson per memverkita salutpoemo.

*Injo*: Ho, nun mi rememoras pri la afero, patrino. Mi ne renkontis mian amikon hejme, do mankas ja ankoraŭ la rimo. Kara avino, kara onklo (ĉirkaŭprenas ilin); ĉu vi ne scias rimon je la vorto „salutas?"

*Onklo*: Vi estas tre laborema, mia karulino, mi . . .

*Injo*: La rimon, onklo, la rimon.

*Bopatrino*: Nu, kiel tekstas la frazo?

*Injo*: Vin ĉiujn bone mi salutas<br>Bonvenajn vortojn kore mi —, avino mi? —, onklo . . . mi . . .?

*Bopatrino*: Onklo, . . . mi . . .?

*Rozalio*: Onklo, mi . . .?

*Onklo* (leviĝas, grave): „Bonvenajn vortojn, kore mi . . . elŝutas.

*Ĉiuj*: Elŝutas, elŝutas.

*Bopatrino*: Bonege, bonege!

*Rozalio*: Nun la kongreso povas komenciĝi.

*Injo* (ronddancas kun la onklo): Dankon, onklo, koregan dankon.

*Onklo*: Ho, ho, mi ne plu estas junulo, ne tiel petole, mi petas. (Li sidiĝas.)

*Bopatrino*: Mi estas feliĉega, ke mi povas partopreni la kongreson.

*Onklo*: Vi estas ĉi tie pro la kongreso?

*Bopatrino*: Kompreneble! (Patose): Estos grandioza mondfesto. Ĉeestos baronoj kaj grafoj.

*Onklo* (malice): Eĉ foto*grafoj!*

*Mallerta*: Kiel statas Esperanto en via hejmurbo, kara bopatrino?

*Bopatrino*: Dank' al miaj klopodoj, tre, tre bone. Sed mi havas sumegon da laboro, precipe pro mia fakkunsido, kiun . . .

*Onklo*: Eĉ fakkunsidon vi partoprenas? Kian?

*Bopatrino* (majeste): Mi reprezentas la „Unuiĝon de Esperantistaj Bopatrinoj Ĉiulandaj".

*Onklo* (ridegas): Ha, ha, ha. Jen nova pruvo, ke ni havas tro multe da unuiĝoj; mi proponos al la kongreso, ke oni forigu ĉiujn nenecesajn, ke oni permesu nur la plej gravajn.

*Bopatrino*: Ekzemple kiajn?

*Onklo*: Ekzemple la mian, la „Unuiĝon de Esperantistaj Fraŭlaj Onkloj."

*Bopatrino*: Kia sensencaĵo!

*Onklo*: Nu, ni forlasu la temon. Mi ne ŝatas priparoli tiajn gravajn aferojn kun inoj.

*Bopatrino*: Kun inoj? Nu, atendu la decidojn de nia fakkunsido.

*Onklo*: Kion vi decidos?

*Bopatrino* (grave): Ni ŝanĝos la „Fundamenton".

*Onklo*: Ho-ho!

*Mallerta*: Eble vi forigos la akuzativon.

*Bopatrino*: Tute ne; ni, bopatrinoj, tre ŝatas la akuzativon.

*Onklo*: Vi ŝatas la akuzativon! Tre afable!

*Mallerta* Kaj la „Fundamento"?

*Bopatrino*: Ni, bopatrinoj, konstatis, ke la verkinto de Esperanto certe ne estis ĝentila homo; li certe ne sciis, kio decas rilate al la sinjorinoj. Alie li ne estus disponinta, ke oni formu la inan signifon de l' vortoj el la vira formo. Inverse la afero devas esti. Unue la inoj, poste la, la . . .

*Onklo*: Poste la uloj, ha, ha, ha.

*Mallerta*: Kaj nun?

*Bopatrino*: Ni decidos jenon: La vortoj signifas ĉiam la inan formon. Se oni volas devenigi la viran formon, oni aldonas la sufikson „in". Do, viro estas virino, knabo signifas knabinon ktp.

*Onklo*: Ĉu vi komprenas ion, Kristiano?

*Mallerta*: Knabo estas knabino, onklo estas onklino; Kara Majstro! Tio estas preskaŭ la sama afero kiel tiu pri la ĉevalpiedoj.

*Onklo* (surkapigas la ĉapelon de la bopatrino, iradas gracie en la ĉambro): Mi estas onklino, mi estas onklino, ĉu ne, Kristian*ino*?

*Mallerta*: Mi fakte ne plu scias, ĉu mi nun estas viro aŭ virino.

*Bopatrino*: Kompreneble vi estas viro, mia karulo, pri tiu mi neniel dubas. Kaj vi restos viro. Sed post la ŝanĝo de l' „Fundamento" vi estos virino, kaj la virinoj estos viroj, kompreneble nur teorie; viajn virecajn kvalitojn ni neniel tuŝos.

*Onklo*: Do mi estos nur teoria onklino? Domaĝe.

*Mallerta*: Teoria virino, realeca viro! Kara Majstro!

*Bopatrino*: Ho, ke la viroj estas stultaj.

*Onklo* (rapide, montrante ŝin): La viroj, jes, jes, la viroj.

*Bopatrino*: Ĝis nun la viroj (montrante lin), sed post la viriniĝo . . .

*Mallerta* (malespere): Post mia viriniĝo! Ĉu post tio mi estos vira virino aŭ virina viro?

*Bopatrino*: Komprenu do . . .

*Rozalio*: Ŝparu viajn vortojn! Li entute ne komprenas ion; ĉu mi ne diris, ke li estas tro malsprita? Cetere vi estas tute prava, patrino — pardonu —, patro, mi volis diri, ni, virinoj — ne ne —, ni, viroj, ne plu toleros, ke oni subpremu nin, ni protestas.

*Bopatrino, Rozalio, Injo* (kune): Ni protestas, ni protestas.

*Onklo* (ploreme ĉirkaŭprenas Mallerta-n): Ve al ni, ni estas perditaj. (Ambaŭ faliĝas sur seĝojn, malespere, Mallerta apogas sin sur la balailon, kiun li ankoraŭ tenas en la mano.)

*Bopatrino*: Ne tro ĉagreniĝu; ni promesas al vi, ke ni estos tre indulgaj estroj.

*Mallerta kaj Onklo* (eksaltas, ronddancas kun la bopatrino): Dankon, dankon por ĉi tiuj vortoj.

*Bopatrino*: Sed nun estas tempo por iri stacidomen; post duona horo alvenos la karavano el Rejnlando; mi devas akcepti mian amikinon. (Al ĉiuj): Ĉu vi eble akompanos min?

*Onklo*: Estos plezuro por mi.

*Mallerta*: Bonvolu atendi kelkajn minutojn, mi tuj pretigos min. (Li estas forironta.)

*Rozalio* (retenas lin): Vi kompreneble restos ĉi tie por gardi la ideton.

*Mallerta*: Ĉu mi? . . . Sed mi . . .

*Rozalio*: Nenian „ĉu", nenian „sed"; vi restos.

(Ĉiuj leviĝas. La bopatrino surkapigas la ĉapelon, prenas la ombrelon.)

*Bopatrino* (al Mallerta): Do, ĝis revido, mia karulo, zorgu bone pri la infaneto.

*Onklo*: Kompatinda Kristiano.

*Rozalio*: Ni iru!

(Ĉiuj foriras escepte Mallerta.)

*(Fino sekvos.)* *Kristiano Mallerta*

# MALFELIĈA AMO

BIOLOGIA FANTAZIO DE FRANCISKO MOLNÁR

(Okazas en la pli noblaj organoj de enamiĝinta junulo. La junulo mem ĵetadas sin sendorme sur la lito, ĉar li estas senespere enamiĝinta. Ofte kaj profunde li ĝemspiras, fumas unu cigaron post la alia.)

La dekstra pulmotubo (diras al la maldekstra): Mi petas vin, kuzo bronko.

La maldekstra bronko: Nu, kion vi volas jam denove?

La dekstra: Ĉi tiu homo cigaras tiom, ke mi ne povas plu elteni. La vilepitelo plendadas jam de horoj. La mukmembranoj ĉie estas ruĝaj pro la kolero.

La maldekstra: Ĉu al *mi* vi diras? De duonhoro mi plendas al nia ĉefo, al la pulmopinto, ke ne decas tiel trakti honestan pulmon. Mi estas spirotubo kalkumiĝinta en ĝenerala honoro, sed mi neniam ankoraŭ aŭdis, ke post dudeksepjara honesta laboro oni pagu iun per tio, ke oni ruinigas lin per cigarfumo.

La dekstra: Terure!

La maldekstra: Min mem mi ne bedaŭras. Sed miaj infanoj! Dudekmil needukitaj, orfaj bronkioloj restos post mi. Kiu vartos ilin?

La dekstra: Oni devus atentigi Steĉjon, ke ĉi tio ne povas plu daŭri.

La maldekstra: Vane ni atentigas lin, li ne forĵetos la cigaron.

La dekstra: Ĉiuokaze, mi provos. Mi tusigos lin.

La maldekstra: Tusigu do, sinjoro kolego.

La dekstra (donas ordonojn): Profunda enspiro! — fermi la voĉbreĉon! En ambaŭ pulmoj forta elspira muskolfunkcio! Nun subite malfermi la voĉbreĉon!

(Ĉio ĉi okazas. La voĉbreĉo malfermiĝas kaj la aero kun granda bruo puŝiĝas en la trakeon. La diafragmo forte ekmoviĝas. La *aorta jugularis* ricevas frapon. En la infundibloj la alveoloj malpleniĝas por momento.)

Steĉjo: Peston! Jam denove mi tusas.

La dekstra: Nu jen, ĉu mi ne diris? Kion ni akiris? Nenion!

Ruĝa sangĉelo (preteriras): Bonan vesperon sinjoroj. Kion vi diras pri tio, kiel terure granda estas la sangpremo hodiaŭ! (Ĝi demetas la dismetaĵojn kunportitajn.)

Iu pulmkapilaro (redonas al ĝi ion): Tio ne apartenas al ni, he, bovo! Ĝin portu en la renon! Ĉu vi ĉiam ankoraŭ ne povis ellerni, kiajn materiojn ekskrecias la pulmo, kaj kiajn la reno?

Ruĝa sangĉelo: Pardonon.

Harvejno: Cetere, kio nova?

Sangĉelo: Mi venas el la koro Tie estas granda malordo. La *bicuspidalis* tre malbone laboras.

Harvejno: Tion ja ankaŭ ni sentas ĉi tie en la pulmo. Ĉu ia alia novaĵo?

Sangĉelo: Ne estas. Adiaŭ. Mi rapidas en la kapon. Tie jam estas tuta kongreso de sango. Estos granda kapdoloro!

Harvejno (al la bronko): Sinjoro ĉefo! Sinjoro ĉefo!

Bronko: Nu, kio do?

Harvejno: Ĵus preteriris ruĝa sangĉelo kaj diris, ke ili ĉiuj iras en la kapon, ĉar estos granda kapdoloro.

Bronko: Nu jen kio mankis al ni! Steĉjo flaros aceteteron kaj ni povos tusi kaj terni ĝis morgaŭ. Diablo portu, ke oni neniam lasas dormi nin.

La fruntosto (vidas, ke el la malproksimo en granda amaso venas la sango): Ili jam venas! Nu, oni havos nun kapdoloron! Denove oni kovros min per malseka tuko! (Kriegas al la sangĉeloj): Kion vi volas? Kion vi faras ĉi tie? Ĉu vi ĉiuj venos ĉi tien?

Sangĉelo (salutas soldate): Mi raportas humile, ke la movonervoj de la sangvazoj iom lamiĝis kaj nun malstreĉiĝis la arteria muskolaro. Ni estis devigataj aranĝi iom da ideopata alfluo. (Soldate salutas, turnas sin surkalkane, paŝas en la vicon.)

Fruntosto: Kia mizero! Kia malordo! Kio estas al ĉi tiu Steĉjo?

Sangĉelo: Dekstren turnu vin! Ekiru!

Fruntosto: Ĉu ili iros dekstren? Ĉu estos do unuflanka kapdoloro?

Sangĉelo: Jes, sinjoro. Ekiru! (Ili aglomeriĝas dekstren).

Fruntosto: Almenaŭ unu mia flanko ne doloros. Ne scios la dekstra flanko . . .

Steĉjo: Peston! Denove kapdoloro! Mi prenos antipirinon.

Sangĉelo (kuregas de la cerbo al la koro kaj haltas en la vestiblo, de tie ĝi krias en la kameron): *Valvula bicuspidalis!*

La dupinta valvo: Kion vi volas.

La sangĉelo: Ĵus mi venis el la cerbo, kie en ĉi tiu momento ekpensis Steĉjo, ke li prenos antipirinon.

La valvo: Mizerulo! Li volas ruinigi min. (Li faras diastolan ĝemspiron.) Ĉu li ne scias, ke la multa antipirino malutilas min? Mi petas, mi ne povas plu elteni. Ĉi tiu homo freneziĝis. Li povus ja scii, ke mi estas malsufiĉa, ke la sango ĉiumomente reruliĝas. Ĝis kiam mi toleru ĉi tion?

Sangĉelo: Vi faras ja nenion krom plendi. Vi prenas de oni la emon por cirkuli. Maljuna malsufiĉulo! (Ĝi forkuregas).

Ezofago (krias al la stomako): Malfermi la stomakbuŝon! Dozo da antipirino venos.

Stomako: Jam denove? (Donas ordonojn):

*Chymificatio!* Brunner-glandetoj, antaŭen! Pepsinglandetoj, antaŭen! Al laboro! Analizu!

(La stomakbuŝo malfermiĝas kaj la antipirino, miksita per glaso da akvo, enfalas. La ptialino, la pepsino ktp. ĉirkaŭprenas kaj tuj komencas analizi ĝin).

La ptialino (salutas soldate): Mi raportas humile, la kunmeto de la ĵusveninto estas: *phenyl-dimethyl-pyrazolon.* Ĝia formulo estas: $C_{11} H_{12} N_2 O$.

La stomako: Do karbkunmetaĵo estas la friponeto! Antaŭen, knaboj, finu je ĝi. Ekzekutisto, faru vian devon!

La stomakmuro: Jes, sinjoro ĉefo. (Ĝi kaptas kaj absorbas la solvaĵon. La antipirino komencas efiki al la organismo.)

La sangĉeloj: Jen la antipirino! Ni rifuĝu! (Ili kuregas malsupren kaj disiĝas en la korpo.)

Steĉjo (karesas sian frunton): Mia kapdoloro ĉesas ... tamen bonega medikamento estas tiu ĉi antipirino! (Li oscedas.) Nu, fine mi fariĝas dormema! Ho, Irena, Irena ... (Li metas sian manon super la koron.)

La korvalvo: Kion li volas de mi? Kial li premas min? Atendu ja, tuj mi vin repremos! (Kun freneza ambicio ĝi eklaboras.)

Steĉjo: Se mi nur diras ŝian nomon, jam ekfrapas mia koro! (Li oscedas.)

Ĉiuj organoj (laciĝinte formetas siajn ilojn kaj atentadas pri lia oscedo): Ĉu vi aŭdas? Li jam blovas la marŝon por dormo.

La cerbo: Mi ne eltenas plu. Multegaj dismetaĵoj amasiĝis en mi. Jen la tempo por ĉesigi mian funkciadon. (Ĝi ĉesigas ĝin.)

(Steĉjo ekdormas. En la organismo iom post iom ĉio eksilentas. La hepato, la renoj, la glandoj apenaŭ jam laboras. La materiŝanĝo malpliiĝas. La sango silente fluadas en la vejnoj kaj portas de ĉie la superfluajn dismetitaĵojn, kiel la balaaĵisto, kiu ĉe la pordo de ĉiu domo kolektas la balaaĵon, kaj ŝutas ĝin ĉe la fino de la urbo en unu amason. La temperaturo de la korpo malaltiĝas. La hepato klinas sian kapon sur la malgrandan kurbaĵon de la stomako, la pulmo apogas sian piedon sur la diafragmo kaj klinas sian kapon sur la koron, la koro apogas sin sur la ripoj, per unu vorto, ĉiuj alprenas ripozan pozicion.)

La sang-patrolo (trairante la korpon diras al la blind-intesto): Kaj vi kial daŭrigas la peristaltajn movojn? Estas jam nokto! Ĉu vi ne vidas, ke ĉiu jam dormas?

La blind-intesto: Kiel mi ja vidus? Kia friponaro! Ili eĉ mokas la kompatindan blindulon!

(La sangpatrolo preterpaŝas. En la stomako malfruiĝinta malgranda globeto klopodas hejmeniri.)

Patrolo: Haltu! Kiu estas?

La globeto: Albumino.

Patrolo: Paŝu plu!

(Ili foriras. Nun jam nenio aŭdiĝas krom la egalmaniera spirblovo de la pulmoj kaj la ekfrapoj de la koro, el kiuj akre distingiĝas la abnorma bruo de la bikuspidalo. Lunlumo. Silento. La homo profunde dormas.

El la hungara: *Kopar*

---

# LA MALJUNECO DE HELENA

JULES LEMAITRE



Helena de Sparto, filino de la Cigno kaj Leda estis depost kvindek jaroj la bela Helena.

Ŝi havis komencojn grandiozajn. Forrabita en sia dekdua jaro de heroo Theseus, edziniĝinta en sia dekkvina jaro, sub la garantio de la tutgreka lando, al reĝo Menelaos, forkurigita post nelonge de Paris, ŝi estis egale adorata de la Argosanoj kaj Frigianoj; Eŭropo kaj Azio amasbuĉis sin reciproke pro ŝi.

Kaj depost dudekkvin jaroj, reveninte al Sparto, kiel fidela edzino kaj nekomparebla dommastrino ŝi estis honorata de ĉiuj pro sia nuna virto kaj pro sia pasia pasinteco.

Ŝia gloro estis plena. Ŝia beleco riĉigis la lingvon de la lando per aro da diroj kaj proverboj. La rapsodoj konstante gloris ŝiajn okulojn, ŝiajn harojn, ŝian buŝon, ŝiajn brakojn kaj ŝian sinon. La virinoj imitis ŝiajn ornamaĵojn, ĉiuj junuloj revis pri ŝi, ŝia bildo plenigis la sonĝojn de la maturaj viroj: de tiuj, kiuj ĉeestis la sieĝon de Trojo.

Ŝi estis plena de rememoroj, sed „serena kiel la kvieta maro", kiel diras la poeto Aischylos.

Vere, ŝi senkatenigis la plej furiozajn pasiojn, ne havante mem pli grandan emocion, aŭ havante ĝin eble nur pro la plezuro, ke ŝi estas tiom amata, kaj ke ŝi vidis ĉirkaŭ si kaj kelkfoje apud si la konfuzajn kaj frenezajn vizaĝojn de l' viroj. Ŝi ĝuis precipe sian efikon al ili.

Tamen, proksime al sia kvindeka jaro, ŝi afliktiĝis. Venis al ŝi la penso, ke eble ŝi estis trompita en sia senkulpa fierego. Ŝi demandis sin, ĉu ŝi vere havis la pli bonan parton, ĉu ŝi ne donis multe pli da plezuro ol ŝi ricevis?

Ŝi enviis la virinojn de Sparto, tiujn el siaj amikinoj, kiuj havis amatojn krudajn, kiuj devis suferi pro ili, sed kiuj, en la momento kiam ŝi

intencis kompati ilin, subite paliĝis pro la feliĉo pri iu sia rememoro.

Ĉu ŝi, la tiom amata, konis la amon? Ŝi konfesis al si, ke la perfortema Hermione, fianĉino de Pyrrhus, kiam ŝi trompite de li, mortigis lin, kaj trapikis sin per ponardo super lia korpo — kiu scias — eble estis pli feliĉa, ol ŝia patrino.

Tamen la milda Helena ne kuraĝis deziri al si feliĉon tiel tragedian.

Sed la amatino de Theseus, de Paris, eble de Odysseus, sendube de Patroklos, kaj, ŝajnas, ankaŭ de Hektor, kiu estis amata de tiom miloj da homoj, fine scivoliĝis pri la amo.

Ĉar ŝi estis malagema, ŝi ne serĉis malproksime.

Estis en la gvardio de reĝo Menelaos juna soldato, senhava, sed el bona familio, kiu sin nomis Arsaces kaj kiu estis bela. Li montris ĉiam la plej grandan respekton kontraŭ reĝino Helena. Sed iun tagon la reĝino alrigardis lin laŭ certa maniero, kaj kvankam Helena estis komencanto kaj malsperta pri ĉi tiu afero, (ĉar ĝis nun neniam ŝi bezonis instigi la homojn) la junulo ekkomprenis ŝin tre bone.

Li faris plej zorgeme ĉion, kion la amantoj faras en similaj okazoj. Helena ofte rimarkis ke li vagas dum la nokto sub ŝia fenestro. Li dediĉis al ŝi versojn, kiuj, cetere, ne estis verkitaj de li. La reĝino, kortuŝite, atentigis sian edzon Menelaos pri la ignorataj meritoj de la junulo, kaj nomigis lin kapitano de la gvardio.

Kaj ŝi, kiu povis tre bone dormi eĉ dum la plej forta sieĝado de Trojo, nun ekkonis la sendormecon. Ŝi kredis, ke Arsaces posedas ion unikan, al kio ŝi dankus plezurojn eksterordinarajn kaj sen kio ŝi ne povas plu vivi; kaj ŝi pensis senĉese nur pri tio.

Iun someran tagon ŝi donis al li rendevuon en fundo de l' ĝardeno, en laŭbo. Estis la horo de l' sopiro. Arsaces alvenis.

Duonkuŝante sur kanapo ŝi demandis lin, ĉu li amas sian patrinon; ŝi parolis al li pri la malĝojeco de l' ekzistado kaj pri la indiferenteco de Menelaos.

Ŝi opiniis, ke Arsaces estas tre emociita, kiam li estis nur tre enuigiita kaj ŝi transdonis sin al la brakoj respektplenaj, kiuj eĉ iomete ne deziris ŝin.

La ambicia gvardikapitano ne povis decidigi sin. Ĉi tiu knabo rifuzis la Helenan de Theseus kaj de Paris, la Helenan de la Troja milito. Ŝi ne komprenis, kial; sed postan tagon ŝi igis lin eksigi per sia edzo.

Post kelkaj tagoj, kiam ŝi malsupreniris en la kuirejon por doni ordonojn, ŝi ekaŭdis, ke Arsaces, kiu havis tie amrilaton kun iu servistino, parolis pri certa „maljunulino", kaj deklaris ŝin „frenezigita".

Reveninte sian ĉambron la bela Helena rigardis sin sincere en sia arĝenta spegulo. Ŝi vidis siajn kvindek kvin jarojn, kiel ili estis, ŝi vidis la sennombrajn sulketojn, la grizajn radikojn de siaj farbitaj haroj, la saketojn sub la okuloj kaj la duoblan submentonon.

Samtempe, tiu homo, kiu certe plej multe amis ŝin, la ĉiam delikata Menelaos, pretekstis facilan malsanon por aranĝi al si apartan ĉambron.

Estis sufero al ŝi vidi la junecon de siaj servistinoj, ilian freŝecon, ilian elastan karnon. Kaj ŝi anstataŭigis ilin per maturaj virinoj.

Ŝi pasigis horojn ĉiutage por masaĝigi sin per lertaj negrinoj, ŝi farbis siajn harojn, ŝmiris sin per ŝminko kiun preparis siria sklavo kaj kiu faris ŝian vizaĝon glata kiel la spegulo, kondiĉe ke ŝi ne plu ridos kaj nur singardeme malfermos sian buŝon.

Sed foje, dum festeno, kiam rapsodo gloris mekanike ŝian belecon, ŝi ekploris kontraŭvole, kun neelĉerpeblaj larmoj, kiuj tranĉis longajn sulkojn en la ŝminko de ŝiaj vangoj. (Kaj neniu vidis tion, ĉar ŝi estis kaj devis esti eterne la bela Helena; sed ŝi kredis, ke oni vidis tion.)

Ŝi estus fordoninta sian tutan gloron nur por esti dekkvinjara, simpla, agrabla knabino. Kaj ĉar ŝi ne povis esti, ŝi volis almenaŭ ŝajni tia, ŝi volis esti juna por iu, almenaŭ unufoje antaŭ sia morto.

En unu de la kampoj apartenantaj al la reĝa ĝardeno, Helena rimarkis junan ŝafiston, kiu ĉiutage gardis tie sian ŝafaron. Li estis bela kaj ŝajnis milda. Vestinte sin kiel ŝafistino, sur la kapo kun granda ĉapelo kiu kovris per ombro ŝiajn trajtojn, ŝi alparolis lin dum vesperkrepusko, dirante sin filino de najbara farmulo.

Kaj ĉiuvespere en la sama horo, pli proksima al la nokto ol al la tago, ŝi vizitis la malgrandan ŝafiston, eldemandis lin pri lia familio, pri la kamparaj aferoj. Li rimarkis el ŝi nur la brilon de okuloj sub la larĝa ĉapelo, la movojn ankoraŭ facilajn en la malpeza robo kaj ŝian voĉon, kiun ŝi konservis klara kaj pura, preskaŭ infana. Kaj li opiniis ŝin juna knabino.

Li estis timema sed ŝi malsovaĝigis lin. Ŝi kuraĝigis lin por karesaj paroloj.

Ŝi instruis al li etajn amokantojn. Kaj, ĉar la sezono estis milda, ili, tute solaj, kontentaj kaj kelkfoje nenion dirantaj, restis tie ĝis malfrue en la nokto.

Solan fojon ŝi permesis al la knabo kisi ŝian vangon, sed nur de malproksime, pintiginte siajn lipojn kaj postmetinte siajn manojn, kiel oni trinkas el la flueto de fonto, timante ke oni malsekigas sin.

Sed dum varmeta somernokto la paŝtisteto, kiu fine enamiĝis kaj fariĝis pli kuraĝa ol kutime, provis ĉirkaŭbraki Helenan.

— Ne, ne! — ŝi diris, kaj evitis la brakumon.

— Kial ne?... Tiel ne estas bone.

Li petegas; li insistas; ŝi forkuras. Li persekutas ŝin, ŝi rifuĝas ĉirkaŭkurante arbojn. Sed li kuras pli bone ol ŝi, li atingos ŝin. Kaj se li

kaptos, se li premos ŝin al si, se li kisos ŝin per plenaj lipoj, li sentos la molecon de ŝia karno... Krome, la tagiĝo ekblankas, jam estas lume. Se li deprenos ŝian grandan ĉapelon, se li klinos sin al ŝia refleksiĝinta kapo, li ekvidos...

Tiam, la heroa filino de la Cigno kaj de Leda, tirinte ponardon el sia zono, puŝis ĝin profunde en sian koron antaŭ ol ŝin tuŝis la manoj de la knabo, por ke li ne rekonu ŝian maljunecon.

El la franca: *Ch. P.*

---

# ARTO KAJ ARTISTOJ

## PAULO VARSÁNYI: MIĤAELO ZICHY

Malproksime de sia patrujo vivis kaj mortis li, unu el la plej grandaj pentristoj de la hungara popolo: en la vasta Rusujo. En fremda lando, en fremda tero kaj en fremda medio kreskadis la floro de lia grandioza arto kiel sovaĝa kaj abunda tropika kreskaĵo. Ni vidas, rigardas kaj admiras ĝin kun mirantaj okuloj — kaj fine nian animon alflugas kaj katenas la scivolemo: de kie devenas ĉi tiu floro kaj kio estas tiu mistika praforto, kiu kreis ĉi tiun admire apartan belaĵon?

*

MIĤAELO ZICHY naskiĝis la 21-an de oktobro 1827. Li komencis pentri kaj desegni jam kiel juna knabo en Pest, en la skolo de *Jacopo Marastoni,* italdevena pentristo. En la jaro 1844. li iris en Vienon kaj iĝis disĉiplo de la arta akademio, en la klaso de *Waldmüller.* Lia profesoro baldaŭ eksentis lian talenton, distingis lin per sia amikeco kaj foje eĉ akompanigis sin kun li dum sia vojaĝo en Italion. Kiel artisto-disĉiplo li baldaŭ iĝis konata en la aristokrataj rondoj de Vieno. En la bildekspozicio de la klaso de Waldmüller lia bildo: L a m o r t a n t a b r a v u l o vekis ĝeneralan atenton kaj la S a v b o a t o estis premiita per 100 oroj.

En 1847 li interrilatiĝis kun rusa ĉefprincino *Helena,* kiu elektis lin desegnaĵinstruisto por sia filino Maria kaj kunportis lin en *Petrogradon.* De 1847 ĝis 1873 li vivis en la cara kortego, en senpera proksimo al la vivo de l' cara familio — kaj tie li profundiĝis en la plej fervora laborado, sciante preskaŭ nenion pri la ekstera mondo. Kiam la rusa potenco, por helpi Aŭstrion, subpremis Hungarion, li forlasis la kortegon kaj sendepende laboris en la ĉefurbo. Lia nomo famiĝis ĉiam pli kaj pli. Caro *Nikolao* invitis lin al la kortego. En 1856 li oficiale iĝis kortega pentristo. Depost tiam nur tre malmultaj liaj bildoj estis videblaj antaŭ la publiko.

Kiel kortega pentristo li devis pripentri la pli gravajn okazaĵojn de la kortega vivo: la festenojn, maskobalojn, ĉasadojn, ktp. konformiĝante al la gusto de l' tuta korteganaro. El la multaj komisioj sekvis tiu rapideco, per kiu li pretigis siajn bildojn. Li kreis tiom multajn desegnaĵojn, ke ili estas preskaŭ nekalkuleblaj. Ankaŭ la nombro de liaj pentraĵoj estas sufiĉe granda.

*Theophile Gautier,* la fama franca verkisto kaj artkritikisto dum sia vojaĝo en Rusio interkonatiĝis kun li, ekkonis lian talenton kaj verkis pri lia arto sensaci-vekantajn artikolojn. *C' est un monstre de génie!* — diris Gautier, eksentante la katenantan efikon de liaj bildoj. Kaj lia agito akiris por Zichy la meritintan famon kaj artan pozicion.

En la jaro 1873. li forlasis la caran kortegon kaj iris al Eŭropa vojaĝado. *Edward VII.* angla reĝo, tiam *Wales'*a princo, invitis lin Londonon kaj *Th. Gautier* Parizon. Post la vojaĝado li venis hejmen, en Hungarlandon kaj ĉi tie li restadis dum kelkaj monatoj, plejofte en sia familia bieno. Ĉar lia arto ne ricevis la meritintan atenton, li reiris en la caran kortegon, Petrogradon kaj tie li mortis dum la printempo de la jaro 1908. Lian kadavron la hungara registaro venigis hejmen kaj solene enterigis.

*

*Li estas monstra genio!* — ĉi tiuj vortoj de *Gautier* grandioze esprimas la kapturnajn altaĵojn kaj profundaĵojn de la arto de Zichy. Tiu medio, en kiu li vivis, faris grandan efikon al la idea enhavo de lia arto. La frivole gaja vivo de l' Petrograd'aj aristokrataj rondoj, dancantaj sur la vulkano de l' socialaj mizeroj en la erotikaj tremoj de l' voluptoj, forrabis la ekvilibron de lia animo kaj igis lian vivon serio da nesolveblaj enigmoj kaj kontraŭdiroj, antaŭ kiuj ankaŭ nun ni estas konfuzitaj.

*Teodoro Lándor,* la bonega Zichy-esploranto, diras: „Proksimiĝante al li de ia ajn flanko, ĉu al la homo, ĉu al la artisto, ekestas antaŭ ni nesolvebla paradokso, enigmo, kiun ni povas nur analizi, sed ne solvi. En la malofta riĉeco kaj multvarieco de lia laborado finfine tramarŝas ia unuformeco. Li estas eklektikulo, kiu priuzas la plaĉajn kaj taŭgajn al si elementojn de ĉiuj direktoj — kaj tamen ilin li aplikas en sama maniero. Same li estas ankaŭ pri la ideoj, el kiuj bolas en lia animo milmiloj, sed figurante ilin li donas preskaŭ ĉiam la saman formo-skalon. — Li estas hungara animo, hungara inklino, kiu plenkreskas kaj evoluas en fremda tero, inter la manoj de fremdaj majstroj, kiu laboradas en fremda tero kaj donas fremdajn impresojn, eĉ se li kreas pri ni kaj parolas al ni. Li vivas en fremda loko kaj li formas desegne patriotan ardon kun patosa alegorio, li estas radike hungaro kaj tamen la kosmopolitaj temoj inspiras lin al plej grandaj kreaĵoj. Li estas filozofo kaj humanisto, li portas la ideojn kun la plej granda, preskaŭ obstina amo — kaj tamen li tiam kreas la plej grandan, kiam li prilaboras la malpligrandajn temojn de l' genro. Anime li ŝatas la grandajn ideojn, li estas homo de mondmovantaj devizoj, sed ilin li dispecigas je pitoreskaj poentoj. La mondo de liaj idealoj estas en kontrasto al lia arta

maniero, kiu ŝatas la realismajn eksteraĵojn. Li apenaŭ povas la forman diversecon fari unueca, sed li disigas eĉ la unuecan je multaj eroj. Foje li estas fantazia en la penso kaj bagateleme realisma, detaliga en la ellaboro. Alian fojon lia penso estas indiferenta, ĉiutaga kaj la ellaboro fantazia. Li materialigas ĉiujn temojn, eĉ la plej idealan, sen tio, ke li kreus ĝin vere laŭ la formaj principoj de l'bildvido. Li estas plene paradoksa homo. Li estas en kontrasto al sia patrujo, kiu ignoris lin, lia hungara sento en kontrasto al la fremda tero, kiu akceptis lin, lia libera animo al sia pozicio, lia inklino, fantazio al la problemoj, je kiuj devigas lin lia ofico."

*

En la bildo: La venko de la demono de l'detruo la inkuba fantazio de Zichy jam atingas la paroksismon de l'frenezo. Lia fantazio ĉi tie elĉerpis ĉiujn tiujn terurajn elementojn, kiujn la homa cerbo apenaŭ povas eĉ imagi.

La scenejo estas grandega militejo (mem la bildo ampleksas 40 m²), kiu finiĝas en senfina tombejo, kuŝanta en la sangkolora fono. Dekstre estas monteto da kadavroj de la mortintaj prusaj kaj francaj soldatoj, sur kiuj — en trono, konstruita el kranioj, — sidas la — papo! Maldekstre de li staras la prusa imperiestro, ĉirkaŭta de la germanaj regnestroj, kiuj transdonas al li la imperiestran kronon; antaŭ iliaj piedoj kuŝas la polviĝanta kadavro de *Napoleon III.* En la maldekstra angulo ni vidas la batalon de l'panslavismo kontraŭ la islamo. La atakon direktas la caro, tenante duoblan krucon en sia mano. La aliajn partojn de l' bildo plenigas teruraĵoj de diversaj historiaj scenoj, kiujn ridetante direktas la demono de l' Milito.

Ankaŭ La horo de l'fantomoj estas dorsfrostige fantazia bildo. Vidante ĝin reviviĝas niaj infanaĝaj rememoroj pri mistikaj aŭtunaj noktoj, kun la mortpala disko de l' luno.

La scenejo estas tombejo, kiun timige lumigas la sanganta luno. Nun estas la horo de l' fantomoj kaj ili forlasas a tombojn. Amanto kaj amatino, patrino kaj infano, malamanto kaj malamato ektrovas unu la alian — kaj komenciĝas denove la interrompita vivo, ĝis la unua kokokrio.

Unu el liaj plej bizaraj kreaĵoj estas la Sirenciklo en la budapeŝta „Muzeo de la Belaj Artoj".

Ĉi tiu ciklo konsistas el tri bildoj: La kantanta sireno, La oferaĵo kaj La moderna sireno. En la unua bildo la sireno allogas la ŝipanon al la rifo, en la dua jam kuŝas antaŭ ŝi la kadavro de la oferaĵo: la juna fiŝkaptisto; kaj en la tria aperas antaŭ ni — la moderna sireno!

La moderna sireno estas ruĝhara virino, sub kies piedoj estas disĵetitaj floroj, monbiletoj kaj — kadavro de ŝia plej nova viktimo. En siaj fingroj ŝi tenas valorajn perlojn, rigardante ilin kun volupta ĝojo. Dekstre kaj maldekstre estas la novaj viktimoj...: la riĉulo, kiu tenas en siaj manoj monbiletojn, por aĉeti la amon; maljunulo, kiu rigardas ŝin kun la paraliza esprimo de l' malfrua sopiro; poeta junulo, kiu teren falegis sub la ŝarĝo de l' ama trompo; kaj viro, kiu ŝiras sin el la brakoj de sia edzino kun la furioza esprimo de la ama deliro — por perei...

La du lastaj bildoj ligas la grandajn al la malpli grandaj: La potenco de l' vino, Orgio en la kortego de la franca reĝo Henriko III, Falantaj steloj, Rafaelo ĉirkaŭbrakumanta la modelon de sia Madonna bildo, Aŭtodafeo, ktp. kiuj ĉiuj montras la signojn de la ekscite interesa individuo de Zichy.



Zichy: Al la Tragedio de l'Homo. Penu hom' kaj firme fidu!

Liaj inklinoj tiris lin ĉiam pli kaj pli al la pensfigurado, al kiuj li ne povis konformigi la kolorproblemojn. Dum la Pariz'a restado — sub la modernaj efikoj — li serĉis la solvon al la harmonio de l' pens- kaj kolorenhavo — sed vane. Li konsciiĝis pri la kapableco de sia desegna talento kaj tie trovis sin mem. Li trovis la ilon, per kiu estas plej pure perebla la penso, sen ĉiuj fremdaj elementoj. Liaj ilustraĵoj por la verkoj de *Byron*, *Lermontov*, *Johano Arany*, *Aleksandro Petőfi* kaj *Emeriko Madách* estas la plej brilaj pruvoj de lia genio. Kiel kortega desegnisto li akiris admirindan kapablecon la desegnado, kies kulminacion li atingis en la ilustraĵoj pretigitaj por la verko de *Madách: „La tragedio de l' homo"*.

Animoj de du genioj renkontas sin en ĉi tiu libro: la verkisto kaj la desegnisto. En ilia renkonto estas io supertere grandioza... La unua ekbruligis la torĉon de la Ideo kaj enlumigis la Eternecon, traflugante la Spacon, Tempon kaj Senfinon — kaj per sia dia percepto li eksentis la estinton, estanton kaj estonton de l' Homaro. La dua malfermis sian animon kaj la Ideo enkorpiĝis.

La animo de Zichy flugas kune kun la animo de Madách. En kelkaj bildoj la dimensioj monumentale pligrandiĝas kaj grandioze sentigas la senfinecon kaj senmortecon de l' Spirito ĉirkaŭanta la Kosmon. Admirindaj folioj estas ĉi tiuj bildoj, kiuj naskiĝis en dia momento de dia inspiro. Vidante ilin ni vidas trans la stela kupolo de l' ĉielo kaj vidas la senfinan Universon mem. Nian animon ekkaptas la sopiro al ia transcenda pureco: liberiĝi el la koto, ekflugi al la pura etero kaj fandiĝi en la transstelajn mondojn.

La apoteozo de Petőfi* estas mirakla sentigo de la baraktado de l' animo sopiranta la senfinon. En ĉi tiu bildo enkorpiĝis unu el la poemoj de Petőfi: Aŭguraĵo, en kiu li prisonĝis la senmortecon de sia animo: Patrin', la sonĝoj ne mensogas; eĉ se min kovros tombtolaĵ': la glora nomo de via poeta filo, patrin', longe, eterne vivos.

*

La figuro de Zichy staras sola en la historio de l' hungara arto. Li havis nek antaŭ —, nek posteulon. Li havas esceptan lokon, kiel pensanta homo, kiu portis grandajn ideojn en sia animo kaj kiel romantika artisto, kiu profundiĝis en la kataklismajn pasiojn de l' homa animo, esprimante ilin kun nobla patoso. Lia vivo estas admirinda revelacio de la eterne malkvieta homa animo, kiun ia mistika sopiro neniam lasas ripozi kaj senĉese instigas esplori la nekonatajn sekretojn de l' Estado. Li malkovris miraklajn mondojn, en kiuj li eksentis la muzikon de eternaj homaj sentoj kaj sopiroj, kio lian arton igas senmorta.

* Sur la titolpaĝo.



K. DE KALOCSAY

## *INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ EN VICH*

Bedaŭrinde la detalan raporton pri la festoj kaj verkoj ni ne povas doni en ĉi tiu numero pro nealveno de la raporto de nia loka kunlaboranto. Ni esprimas ĉi tie nian respektplenan saluton al la elektita Reĝino, fraŭlino Montserrat.

La poemon, per kiu nia redakta-komitatano K. de Kalocsay gajnis la unuan premion de *NATURA FLORO*, ni publikas sube.

*

### KISOJ

*K. de Kalocsay*

*Mi kisas vian manon:*
*Patrinon kisas fil'...*
*Estim'. Respekto pia.*
*Humil'.*

*Mi kisas vian frunton:*
*Fratinon kisas frat'...*
*Fidela ŝirm'. Kareso.*
*Kaj flat'.*

*Jen kis' al viaj haroj:*
*De patr' al filinet'...*
*Dorlot'. Fier' naiva.*
*Kviet'.*

*Jen kis' al via vango:*
*El kamarada kor'...*
*Komunaj zorgoj, ŝercoj.*
*Humor'.*

*Mi kisas vian buŝon...*
*Mallumo. Fulm'! Destin'!*
*Turmento! Rav'! Komenco*
*Kaj Fin'!*

# MONDLITERATURA OBSERVO

## ALFRED DE MUSSET

Alfred de Musset, unu el la plej famekonataj francaj poetoj, naskiĝis en Parizo en la jaro 1810. Filo de Musset Patay, ĉefoficisto en la milita ministrejo, al kiu ni ŝuldas tre ŝatatan Historion pri J. J. Rousseau, Alfred de Musset fariĝis en la liceo Henriko IV-a kunlaboranto kaj amiko de la duka Moŝto, *de Chartres*, pli poste duko *d'Orléans*. Spertinte diversajn profesiojn, kuracarton, leĝosciencon, bankon, eĉ pentrarton, li donis sian preferon al beletristiko. En 1830. li publikis verse siajn hispanajn kaj italajn fabelojn; en 1833. kaj 1834. siajn delikategajn proverbojn el kiuj kelkaj estis sukcese ludataj, kaj kiujn oni ludas nuntempe en la Francaj Teatroj; en 1836 la „Konfeson de la Infano de l'Jarcento", ŝajne la historio de sia propra vivo, al li sugestiita de la finiĝo de sia amo al Georges Sand, nia granda romanverkistino. Li verkis siajn mirindajn proze verkitajn rakontojn: la Blanka Merlo, Mimi Pinson, la Du Amantinoj, Frederiko kaj Bernerette, la Fratoj Van Buck, k. t. p., en kiuj la ĉarmo de la stilo vetbatalas la dolĉecon kaj la grandiozan kaj naturan simplecon de la penso. Liaj poeziaĵoj publikitaj en la „Revuo de Ambaŭ Mondoj" estas liaj plej konataj kaj eble la plej belaj de liaj verkoj. En la „Noktoj" li trafis la plej altajn suprojn de la poezia penso.

Musset eniris en la Francan Akademion en 1852. Li plenumis la oficon de Bibliotekisto ĉe la Ministrejo de la Internaj Aferoj dum la regado de Ludoviko Filipo, kaj de Bibliotekisto ĉe la Ministrejo de la Publika Instruado dum la dua Imperio. Ofte oni lin komparis kun *Byron*, ĉar liaj verkoj entenas miksaĵon de ironio kaj de lirikeco, de profundeco kaj de elektega sentemo. Li skribis tiom per sia koro kiom per sia inteligenta penso. Tre prave oni ankaŭ diris pri li ke, naskiĝinta por la arto, en bruega ridego, li mortis en ploroj. Pasie romantika junaĝe; en 1852. en sia Parolado de sia akcepto al la Franca Akademio li malaprobis la Romantikecon.

Arda al la plezuraĵoj, nekapabla venki siajn pasiojn, senzorga por la realaĵoj de la vivo, li mortis malriĉe en 1857. en grava malvigliĝo, malfeliĉa, postlasanta al la postularo senmortan verkaron kiu riĉigas la literaturan heredan bienon de Francujo. Ni ambicias konigi al la literaturaj amantoj de la fremdaj landoj liajn senkomparajn fabelojn, tiujn pensajn juvelojn de la Franca genio.

*Daniel Eyquem*

## ALFREDO PANZINI

„Brava *Romagn'a* homo. Malaltan kolumon kaj libere elpendantan kravaton li portas. Lia koro estas kuraĝa kaj nobla, samfacile li entuziasmas kaj mokas, fortaj estas liaj muskoloj kaj potenca estas lia trunko."

Per ĉi tiu, iom Panzini-maniera portreto prezentas lin iu lia amiko. Mi aldonu: longe li estis profesoro en Milano, la kritiko nur malfrue malkovris lian talenton; nun, en sia sesdeka jaro, li estas trans la unua triumfo de l' bruaj sukcesoj.

Jen antaŭ mi dek—dekkvin volumoj: la romanoj de Panzini. Legante ilin ni vidas lumigita per radio la antaŭnelongan italan vivon spiritan. Ne, ĉar ili pretendas esti sociaj romanoj, de tio ili estas malproksime. Sed, ĉar homo pensema kaj tre senteme reaganta je ĉiu fenomenoj de l' vivo, kiom ajn li volas, ne povas forfermi sin de la aferoj okazantaj ĉirkaŭ li. Ĉirkaŭ li okazas la milito, la komunismo, la malgrandburĝa socio, liaj legaĵoj revivigas la historion, pensojn de kelkiu filozofo. Sed ĉio ĉi: historio, filozofio, moderna vivo, moralpriskribo kunfandiĝas ĉe li en la arto de l' individua sento kaj penso.

Urbeto sur la bordo de Adriatiko. Apenaŭ estas libro, en kiu Panzini ne revenas aŭ ne sopiras tien. Li konas tie ĉiujn: la fiŝistojn, la porkpaŝtantan maljunulinon, la pensiumitan kapitanon sin vivigantan per siaj ĝentilaj rememoroj. Bonegajn portretojn li desegnas pri ili. Li ĝojas pri bongusta manĝo, aŭskultas la voĉon de la idilia naturo. Aŭ li ekvojaĝas sen celo, kaj en malgranda stacio laŭplaĉa li elvagoniĝas, li serĉas en *Bologna* la rememorojn pri l' juneco. „Memoru pri ĉi tiu hela, sennuba tago por ke vi povu diri: tamen bela estas la vivo."

En Panzini vivas lirika poeto. Lia amata marborda *Bellaria* estas proksima al la naskloko de *Pascoli* kaj li ofte ludas sur la liro de la melankolia poeto. Lia prozo same havas siajn larmojn, kiel la poezio de Pascoli. La renkontiĝo kun *Mimi*, kiun antaŭ tridek jaroj li amis kaj kiu akceptas lin en la tute antaŭa ĉirkaŭaĵo — sed kiel malbela estas nun ĉio, kiel forflugis la juneco! la Madono de Panjo, la domo restinta malplene post la morto de l' patrino, la fremdeco kiu ĉirkaŭas lin inter la indiferentiĝintaj malnovaj vizaĝoj — estas nuraj larmoj. „Eta domo en Bellaria, vi devas ne plori. Maldolĉan veron mi devas diri al vi: Mi ne plu amas vin."

Entute la ĉefa movanto en la arto de Panzini estas: la sento, la amo. Ĉi tio serĉas pli vastan sferon en la humanismo. Ĉar li amas la homojn, kvankam li rigardas ilin malbonaj, mekanikaj. Kvazaŭ la duonon de sia animo ili estis ŝanĝintaj kun la maŝinoj. Tia estas ankaŭ ilia filozofio. Kiu frapadus sur la bordo de l' mistikismo?

La homamo kondukas Panzini'n al la pacifismo. Dum vojaĝo li ekscias ke eksplodis la Balkan-milito kaj en la unua batalo mortis dekkvarmil homoj. „La grandpotencoj indigniĝis. Do la milito eksplodis kontraŭ la volo de la grandpotencoj. Kial eksplodis ĉi tiu dua milito? Mi aĉetas kaj trarigardas ĉiujn ĵurnalojn, ĉiuj indignas, samkiel la grandpotencoj. Ni devas supozi ke la reĝoj, kies popoloj krias e v v i v a, ĵ i v i o, h u r r a kaj h o c h. renkontiĝis kaj anstataŭ laŭkutime diri: pacon al vi, ili diris; militon al vi. Ne, tamen ne estas tiel. Ŝajnas ke la milito eksplodis per si mem, pro la troamasiĝo de l' eksplodema hommaterialo . . . Sed unu afero estas certa: dekkvarmil mortintoj en la unua batalo. Mi ne scias kial mi rigardas alalte kaj kial mi vidas la piramidon de l' dekkvarmil ĉerkoj. Terure! La homoj trankvile sidas en la sunbrila tria klaso. Mi rigardas, kontraŭflanke al mi, la mildvizaĝan soldaton. Li estas trankvila. Mi rigardas la silentan bukolikan laboron sur la kampoj. La falĉistoj tranĉas la altan herbon. Kaj ie sur kampo, nun kuŝas dekkvarmil mortintoj en piramido, estingiĝintaj estas iliaj okuloj, ridigaj estas iliaj membroj. Ne! Ne! Mi ne volas ke min superregu la kompato. La naturo ne konas la kompaton. Kial do ĝi estu en mi? Sed kia funebra vidaĵo: dekkvarmil mortintoj! Feliĉe, ke ili estas malproksime. For la dekkvarmil mortintojn! Sed ili ne volas foriĝi! Do, ni pensu jene: la turkoj estas barbaroj, la serboj ankoraŭ pli barbaraj, la bulgaroj ankoraŭ pli, la grekoj heredis nur la nomojn, la nunaj havas nenion komunan kun nia amiko Sokrates . . . La funebra vizio ne foriĝas. Eĉ, ĝi transfluas en alian. Se estas dekkvarmil mortintoj, sekve estas, aŭ estis dekkvarmil patrinoj. Antaŭ proksimume 20—25 jaroj ili mamnutris ĉi tiujn mortintojn. kiuj tiam estis malfortaj suĉinfanoj. Multaj el ĉi tiuj patrinoj certe angoris kaj vokis kuraciston, se ilia etulo estis iom febra. Nu, kial estis ĉi tiu multa peno? Ĉi tiu penso ne lasas min ripozi. Mi aŭskultas, ke ĉi tie en la vagono ĉiu parolas pri sia zorgo pli aŭ malpli granda, dolĉa aŭ prema. Laboras la spireganta lokomotivo, laboras malproksime la falĉistoj, laboras supre la suno. Kial? Mi klinas mian kapon sur mian brakon kaj mi flustras ĉi tiun sole konsolan nomon: Kristo, Kristo, Kristo."

Ĉi tiu „kial" konstante turmentas Panzini'n. La problemo de la vivo kaj morto senĉese mordas lian animon. Li ne trovas eĉ unu certan punkton, kie lia penso povus ripozi. Ĉio estas relativa. Kaj tial Panzini propre ne estas pacifisto, nek katoliko, sed skeptikulo, kiu ĉion komprenas kaj nenion kredas. Vane volas trabati sin lia idealismo; lia pensmaniero, kiel ajn li malamas la germanan filozofion, malsanas pro ĉi tiu filozofio kaj ĝi kritikas, analizas, dismetas, neniigas lian idealismon. Eĉ siajn propraјn pensojn li rigardas relativaj: komediantaj.

Tamen la sento kaj penso de Panzini kun lia pesimismo, kunfandiĝinte en la arta esprimo, fariĝas tiu humorismo, kiu estas tiel karakteriza por li. Li mallaŭtigas la senton

per la rideto de l' sperto, la sento kolorigas la amaran penson. Lia humorismo ĝermas el la mondrigardo de l' elreviĝo, sciante ke nenion oni devas konsideri serioze. Ĉi tiu supera, sed ĉiam varma rideto donas la eksteraĵon en la arto de Panzini. Sed kiom da nuancoj ĝi havas, kiom da variaĵoj! Ĝi estas silenta kaj harmonia en „Xantippe : nek antikva, nek moderna romano" kaj la komikon ĝi tuŝas en la romano „Mi serĉas edzinon". Ginetto Sconer, novriĉulo, akirinte belan riĉon volus zorgi pri heredonto. Sed li agas kun granda singardemo. Li volas vidi sian fianĉinon eĉ en sia loĝejo por scii, ĉu ŝi konvenos en lia salono de *Louis XV*. Proksimume 22 diverstipaj knabinoj ne kontentigas lin, la 23-an forprenas antaŭ lia nazo junulo reveninta el la milito kaj fine li edziniĝas sian maŝinskribistinon, kiun li dungis por verki — rezignante pri la heredonto — siajn memoraroĵn. Ĉi tiu rakonto komenciĝas jene: „Kavaliro Ginetto Sconer; rozaj vangoj, de kiuj radias inteligento kaj kuraĝo; haroj solidaj; dentoj solidaj; ĉio solida. Jen estas mi".

Lia humorismo fariĝas amareta en la „Ronda estas la mondo" kies heroo konkludas: estas egale, kio estas la mondo, ĉu ĝi kalumnias nin, ĉu ĝi repagas al ni bonon per malbono. Ĉefe estas: esti bona al niaj homfratoj, helpi ilin, kaj nenion pretendi de ili.

La stilo de Panzini — ĉiam pura, preciza, senornama — fleksiĝeme sekvas la manifestiĝojn de lia humorismo. De la solena lingvo de *Carducci* ĝi estas same malproksime kiel de la arte skulptitaj periodoj de *d'Annunzio*.

La direnhavo estas ĉe li ĉiam interesa. Liaj romanoj rigardas la mondon tra la okulvitroj de individua filozofio. Lia mondrigardo estas kunplektiĝinta el sperto, sufero, penso. Lia relativismo estas malsano de la moderna spirita vivo itala. Krom la alia granda humoristo *Pirandello* sendube li estas la plej interesa figuro de la moderna itala literaturo. *euka*

# BIBLIOGRAFIO

## H. J. BULTHUIS: IDOJ DE ORFEO.

Originala romano rekomendita de la E. L. A; kronita de la Akademio. Eldono de l' aŭtoro. Den Haag. Daguerrestrat 84. Nederlando 1923. 540 paĝoj.

La libro certe estas grava gajno de nia literaturo. Post la ekfloro kaj abunda florado de nia tradukliteraturo certe alvenis la tempo, ke la lingvo, riĉiĝinte kaj poloriĝinte per la tradukoj, inspiru talentulojn por senpera Esperanta kreo de verkoj valoraj. Konforme al la natura evoluo, observebla en la naciaj lingvoj, nia originala literaturo komenciĝis per poemoj, ilin nun komencas sekvi noveloj kaj romanoj kaj certe aperos, kiel lasta ŝtupo de l' evoluo, ankaŭ la dramo.

Ĉu estas ĥimero revi pri talentulo, kiu donacos al nia lingvo verkojn valorajn eĉ laŭ mondliteratura nivelo, levante per tio nian lingvon inter la grandajn naciajn literaturriĉajn langaĵojn? Trokuraĝa fantaziulo povus revi eĉ pri genio, kiu donos al nia lingvo unuarangan ĉefverkon, kiun la tuta mondo legos kun admiro, kiu akiros eble por sia verkinto — la Nobelpremion. Nenio estas malebla kaj multfoje malpraviĝis tiuj, kiuj ridis je „maleblaĵoj".

Ĉu ni povas proksimiĝi al tiu ĉi verko per tiaj postuloj? Nu, certe, ne. Sed la verko estas gravaĵo, kiu rajtas postuli seriozan konsideron, detalan pritrakton, ne kelkajn banalajn laŭdvortojn. Verkiston konscian pri si tiaj laŭdvortoj ofendas kaj hontigas, lin certe pli kontentigas eĉ riproĉoj, se estas videble ke ili venis de recenzanto, kiu funde trasentas sian respondecon ŝuldatan al sia metio kaj al la graveco de la recenzata verko.

Per ĉi tiuj longaj antaŭaĵoj mi volis klarigi mian sinceran sintenon kontraŭ la verko. Resume: pri multe malpli bone verko mi certe dirus multe malpli da riproĉoj.

La romano estas propre ne unu, sed tri romanoj, kiuj je la fino kunfluas en komunan solvon. Tri knaboj, lasitaj de sia freneziĝinta patro (fama muzikartisto) en tri diversaj lokoj dum vagado, vivas inter diversaj, sed same malbonaj, por ilia evoluo same malfavoraj cirkonstancoj. Sed la heredita talento trabatas sin en ili kaj fine, post multaj aventuroj, jam kiel perfektaj muzikartistoj, ili renkontiĝas, rekonas sin, por vivi plue, kun la resaniĝinta patro kaj retrovita patrino, feliĉan familian vivon.

Ĉi tiu maldika skeleto de l' temo estas riĉe karnita per travivaĵoj, aventuroj kaj — precipe — per multego da homaj vivoj kaj sortoj, kiuj plektiĝas en la vivon de la tri knaboj. En mirinda riĉo la aŭtoro disponas pri tiaj homaj sortoj de li observitaj, ili sufiĉus por tuta serio da romanoj. Kelkaj (ne malmultaj) el ili estas prezentitaj kun vera arto, homama intimeco, krea imagpovo. Maksimo Bjelski, ĉi tiu kara senhelpulo, Rika, la bonkora sed kapre obstina surdmutulino kaj multaj aliaj karakteroj paŝas kvazaŭ vivantaj el la paĝoj de l' libro. Sed la strukturo de la temo estas malforta por tiel granda ŝarĝo, ĉi tiuj tro multaj personoj, ĉiam detale priskribitaj, prezentas embarason de riĉeco, la temo sub ili dronas kvazaŭ sufokiĝante. Ĉi tiun danĝeron ankoraŭ pligrandigas tio ke la aŭtoro dufoje interrompas la fluon de la rakonto por komenci kvazaŭ novan romanon, kun novaj nekonataj personoj, pri la sorto de la dua, resp. tria knabo. Ĉe la unua interrompo li faras ŝercmanieran deklaron al la legantoj pri la laŭplaĉa tem-plekta rajto de verkisto, ĉi tiu iom naiva rimedo ne forigas la cititan danĝeron, kiun la aŭtoro faras ankoraŭ pli minaca per tio, ke li plektas en la romanon tute sennecese fabelojn (tre longajn) rakontatajn de iu romanfiguro. Ili tute ne estas en alegoria aŭ simbola rilato al la romano mem kaj, kvankam belaj en si mem, en la romano ili estas nur balasto superflue malfaciliganta la legadon — aŭ simple transfoliumata de la leganto.

El ĉio ĉi tio sekvas ke ĉiu parto de la romano estas pli bona ol la tuta romano mem. Dum la seninterrompa lego la leganto, sentante sin en labirinto, ofte komencas perdi la intereson, aŭ ĉagreniĝas, kiam, jam interesiĝinte pri la personoj, li devas legi pri novaj, ĝis tiam nekonataj homoj, kaj forgesi pri tiuj, kies sorton li scivolas. Sed poste, prenante foje denove la libron kaj malfermante ĝin ĉe iu ajn paĝo, li certe ĝoje ĝuos la plastikan, travideblan stilon, kiu prezentas al li interesan historion pri la ne ĉiutaga sorto de iu romanfiguro.

Do se estas permesate doni konsilon al la aŭtoro, mi konsilus al li ŝparon de materialo kaj la konsideron de tiu bonmoto: ofte la „malpli multe" estus „pli multe".

Tri notoj skizitaj sur la marĝeno de la libro:

1. Esperantaĵoj. Mi konsilus al ĉiu verkisto: meti Esperanton en la rakonton nur en tiu okazo, se temas pri Esperantista vivo aŭ rondo, aŭ se Esperanto vere havas gravan rolon en la rakonto, sen ĝi estus neebla ĝia plua paso. En ĉiu alia okazo, la enmikso de Esp. ŝajnas artifikita, impresas naive, ĝenas.

2. Johano. En multaj recenzoj oni riproĉis ke ĉi tiu figuro estas fantazia persono kaj en la fino de la romano malaperas iel nenature kiel supertera estaĵo. Nu, laŭ mia opinio ĉi tio tute ne estus difekto, iom da mistereco ja havas sian specialan allogon, sentencoj efikas pli bone el la buŝo de superterulo. Sed ĉi tiu Johano, provizita per tre simpatia facilanima pensmaniero estas eble la plej reala, karne viva figuro de la romano! Li, per sia bonhumoro kaj ĉarma friponeco, trovas elirvojon el ĉiuj malfacilaĵoj, sed en lia individueco troveblas nenia mistereco, eĉ ne malgrandfingro da transcendeco. Kaj li ankaŭ ne havas ian grandan taskon, la evoluo de la knaboj okazas preskaŭ tute sen lia influo, li ĝuas la vivon facilanime kaj liajn kuriozajn paŝojn ni sekvas per bonsenta rideto. Kaj kial oni bezonus superteran estaĵon por tia bagatelo: ĉu la tri knaboj retrovas sin aŭ ne? Johano estas homo el karno kaj sango kies misteran malaperon — pardonu la aŭtoro — ni simple ne kredas.

3. Estas strange, ke la aŭtoro tute ekzilas el la verko la *amon*. Per ĉi tio li donis por si tre malfacilan taskon, ĉar tiun intereson kaj ĉarmon, kiun bele rakontita amhistorio vekas, estas malfacile anstataŭi en romano per aliaj interesaĵoj. Kaj en ĉi tio ankaŭ nia aŭtoro ne povis sukcesi.

La plej bela kaj interesa parto de la romano estas sendube la unua. Ni ne povas rifuzi la epiteton „majstra“ al la maniero, per kiu la aŭtoro prezentas al ni la pensmanieron de knabo vivanta en izolita insulo, por kiu la tuta mondo, la „Vilaĝo“ estas ia mistero nekonata. Kaj post lia forkuro per larĝa, sed tamen interesa rakontmaniero aperas antaŭ ni la diversaj okazaĵoj, ĉiam tra la naivaj okuloj de infano. La falo komenciĝas nur ĉe tiuj fatalaj „vortoj al la leganto“. Ĉi tio ne signifas, ke en la pluaj partoj ne estas interesaj priskriboj, detaloj, okazaĵoj, karakteroj, — sed la strukturo, konstruo, unueco ne atingas plu la antaŭan nivelon.

Do — la verko havas la difekton de la „unuaj verkoj“, en kiujn la aŭtoro volas enmeti ĉion de li sciatan, konatan, observitan kaj elpensitan. Por la dua verko — feliĉe — jam ne restas tiom da materialo kaj ĝuste tial ĝi fariĝas pli perfekta. Ni senpacience atendas ĉi tiun duan verkon de l' aŭtoro. Pri liaj kapabloj neniu povas dubi leginte la unuajn paĝojn, la ĉapitrojn pri Bjelski, pri Rika, pri la Don-Kiĥot-rolo de Johano kaj multajn aliajn, kiujn plurfoje mi relegis plezure.

La stilo de la libro estas iom larĝmaniera, sed tre bona, komprenebla, facilflua; oni vidas, ke la aŭtoro certe kaj firme sidas en la selo de la lingvo. Ŝajnas tamen, kvazaŭ la aŭtoro estus tro rapidinta pri la eldono kaj ne estus farinta la lastajn glatigojn. Tion montras interalie malakordoj en la verko; „spite tio“ apud „spite tion“, „Kovács“ (ĝuste) apud „Kóvacs“, ktp. Pri „spite“ mi volas diri, ke ĉi tiu vorto (laŭ mi, uzenda kun „al“) lastatempe preskaŭ tute elpremas la vorton „malgraŭ“, kiun oni devus remeti en ĝiajn rajtojn. Cetere — inter ili ja estas diferenco. „Malgraŭ“ signifas *simplan*, „spite“ *obstinan* kontraŭecon.

Stranga esprimo estas: *„mi neeble povis imagi“*, anstataŭ: „mi ne povis“, aŭ „ne estis eble al mi“. *„Mi sentis min bona“* estas morala prijuĝo. La aŭroro volas esprimi farton: „mi sentis min bone“. *„Li ne min sekvis“* signifas: ne min, sed iun alian. La aŭtoro volas diri: „li ne sekvis min“. *Drinki* estas erare uzita anstataŭ *trinki* kaj reciproke. *„Pri kio ajn povas interesi vin“* estas enigma frazo.

*„Rulis larmoj.“* Ĝuste — „ruliĝis...“. *Brulis mian lipon.*“ Ĝuste — „bruligis...“. Strange uzas la aŭtoro la vortojn *„kaj cetere“* anstataŭ „ktp“.

Estas ankoraŭ kelkaj tiaj makuletoj, kiujn la aŭtoro certe plejparte estus elsarkinta post pli atenta revizio de la teksto.

Sed nun, jen du pli gravaj rimarkoj.

1. La aŭtoro ne ĝuste uzas la kondiĉan modon (us) en subordigitaj frazoj. (Mi deziras, ke li ven*us*.) En ili oni ĝin devas uzi nur en okazo de kondiĉo, supozo. (Mi ĝojus, se li venus.) Do nur post la konjukcioj „se“ kaj „kvazaŭ“. Okaze ke la ĉeffrazo esprimas *intencon* aŭ *decidon* pri intenco, oni devas uzi la ordonan formo,n, kiu estas samtempe konjunktivo. (Mi volas deziras, petas, ordonas, disponas, konsentas, aprobas, deziras ke li ven*u*.)

2. La „estanta tempo“ de la subordita frazo estas tiu tempo, pri kiu la ĉeffrazo parolas. Do: „mi vidis ke li leg*as* kaj ne: „mi vidis ke li leg*is*.“

Resume: la libro estas granda pliriĉiĝo de nia literaturo, leginda kaj grave konsiderinda verko, eĉ se ne senriproĉa laŭ mondliteratura nivelo. La aŭtoro rajtigas nin je grandaj esperoj. Se li pli atentos pri la liniogvido de la temo kaj pli vortavavos en la priskriboj, pli ŝparos je epizodoj kaj flankpersonoj, li certe donos al ni ankoraŭ verkon alte leviĝantan super ĉiuj ĝisnunaj Esp.aj romanoj, Por tio li donis garantion per la *„Idoj de Orfeo“*, se nur la Esp.-istaro donus la saman garantion per la aĉeto kaj lego de ĉi tiu bela verko. *Kopar*

### A. NIEMOJEWSKY: LEGENDOJ

El la pola originalo tradukis B. Kuhl. Kun antaŭparolo de A. Grabowsky. Eldonejo: Ferdinand Hirt und Sohn, Leipzig, Esperanto-Fako.

La libro enhavas 4 legendojn de la pola poetoscienculo. Ili apartenas al la plej brilaj perloj de la legendo-literaturo. Ilia literatura kaj etika valoro proksimiĝas al tiu de Kristo-legendoj de la mondfama sveda verkistino, Selma Lagerlöf. La legendoj estas morbildoj. Neniu novelisto pli trafe karakterizis la situacion mondhistorian, socian kaj etikan de l' epoko, kiam la Savinto aperis. Kaj ĉion-ĉi per tia mirinda facileco, uzante nur kelkajn, sed ĉiam la plej trafajn karakterizaĵojn! Liaj personoj estas alligitaj al la epoko, al la sociaj, etikaj cirkonstancoj de tiu epoko, tamen kelkfoje briletas el sub la masko epoka la eterne homa aŭ... la eterne besta!

La unua legendo „Tentistoj“ temas la trifojan tendadon de Kristo per Satano. Majesta estas la sceno, kiam Kristo sur la supro de monto sidas kaj rigardas la mondon:

„Li rigardis ree teren, kaj en rigardo lia estis granda amo kaj profunda sento de kompato.“ Li rigardis la domojn kaj kampojn, kaj la homajn animojn, kaj „li ne ektremis pro tio; kion li vidis“, ĉar

„La koroj de tiuj amasoj estis simplaj kaj la spiritoj nedeziremaj; sed la manoj tremis pro peno kaj la malsato tordis iliajn intestojn.

Do li ne volis ilin juĝi, sed deziris porti al ili plifaciligon, konsolon, forviŝon de la larmoj, plifortigon de la spiritoj...“

La dua historio „Majlaĥ“ estas la tragedio de l' homa malespero, de la bestiĝo de l' homo kaj ĝi estas la legendo pri la venko de bono je malbono, de amo je malamo, pri la triumfo de Dio super la besto en la homa animo. Majlaĥ eliĝis el la homa socio, ĉar li ricevis infektan malsanon kaj kvankam li estis riĉegulo, neniu volis plu servi lin kaj interinlatiĝi kun li. Li sidas sur la bordo de l' Tiberiada maro, rigardas la dissaltadon de l' ondoj kaj ekkriadas maldolĉe ridante:

Jen la homo!

Jen sortoj liaj!

Jen penado homa kaj celo atingita!

La batoj de l' sorto lin faris malamema, volanta la tutan homaron infekti, pereigi. Kaj venas Petro, la fiŝisto, kiu rakontas al li pri Iu, kiu kuracos lianj malsanan korpon kaj animon. Li ne kredas kaj volas infekti la fiŝiston, kiu tute sane revenas post unu semano kun Kristo kaj popolamaso. Kaj Kristo kuracinte lian korpon kaj animon adiaŭas: „Kredu al la boneco kaj faru al aliaj, kiel mi al vi faris.“

La „Admono“ temas la konvertiĝon de malhumila farizeo.

La lasta estas la „Du disciploj“. Maljuna viro kaj junulo boatas sur la rivero Jordan. Ili parolas pri la instruo de la Majstro, kaj fine ili malesperas, ĉu tiu instruo povos realiĝi kontraŭ la potencoj de regantoj teraj. Ili subite ekrimarkas la Instruiston proksimiĝantan kaj preterirantan sur la akvo. La du disciploj rigardas mirigite kun pli forta kredo ol antaŭe la figuron de la Majstro „ĝis kiam fine ĝi disfluis en malproksimo meze de la luna heleco.“ La dialogo de la du disĉiploj estas neforgesebla travivaĵo por ĉiu leganto.

La legendoj de Niemojewsky apartenas al la libroj, kiujn oni neniam forgesas kaj de kiuj oni neniam volas disiĝi.

La traduko estas eminente bonstila, precipe en la dialogoj ĝi estas vivoplena, vigla kaj konciza. Tamen la tradukinto tro ofte, eĉ tute superflue uzas la kunmetitajn verboformojn. Tio kelkfoje senbezone pezigas la tekston. La uzo de verbo „elaŭskulti“ sur la paĝo 59 estas malĝusta. Sufiĉas „aŭskulti“. Anstataŭ disciplo nun jam estas oficiala la vorto: disĉiplo. *L. Totsche*

## KOREKTO

Ni devas denove peti pardonon pro preseraroj enŝoviĝintaj malice en la V.—VI. numeron.

Sur la paĝo 86. en la poemo *„Printempe“*, unua strofo kvara linio: Legu: *morta kviet'*. Dua strofo, tria linio: Legu: *ankaŭ min premas ja.*

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró